DECEMBRO 1934 Aperas dekfoje dum la jaro DEKA NUMERO




Literatura • arta • ilustrita • revuo

Redakcio kaj administracio: Hungarujo, Budapest, IX., Mester ucca 53, V. 5

Abonprezo por jaro: 9·–, duonjaro: 5·–, unu ekz.: 1·– svisaj frankoj, specimeno: 1 resp. kupono

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

# NIAJ ELDONAĴOJ

**Verkoj de JULIO BAGHY:**

| | |
|---|---|
| **Dancu Marionetoj,** noveloj tolb. 5.40, broŝ. — — | 3.40 |
| **Migranta Plumo,** noveloj tolb. 4.60, broŝ. — — | 2.70 |
| **Viktimoj,** romano tolb. 7.40, duont. 5.60, broŝ. — | 5.— |
| **Hura!** romano tolb. 10.— broŝ. — — — — — | 7.40 |
| **Preter la Vivo,** poemaro tolb. 3.—, broŝ. — — — | 2.— |
| **Pilgrimo,** poemaro tolb. 3.—, broŝ. — — — — | 1.80 |

**Verkoj de KOLOMANO KALOCSAY:**

| | |
|---|---|
| **Lingvo, Stilo, Formo** tolb. 4.90, broŝ. — — — | 3.— |
| Malkara eldono bind. 2.50, broŝ. — — | 1.50 |
| **Streĉita Kordo** tolb. 5.70, broŝ. — — — — — | 4.— |
| **Rimportretoj** tolb. 4.50, broŝ. — — — — — | 3.— |
| **Eterna Bukedo,** Internacia poemantologio, 352 paĝa. Duonlede bindita — — — — — | 11.30 |
| **Madách: Tragedio de l' Homo** luksa 5.50, simpla | 4.— |
| **Petőfi: Johano la brava** luksa bind. 7.—, simpla bind. 5.20, broŝ | 1.50 |
| **Goethe: Romaj elegioj; La Taglibro,** silkebind. — | 5.— |
| bind. 3.—, broŝ. | 2.— |
| **Hungara Antologio** bind 14.—, broŝ. — — — | 12.— |
| — **G. Waringhien: Kiel fariĝi poeto aŭ Parnasa Gvidlibro** bind. 5.—, broŝ. — — — — | 3.60 |
| **Dante: Infero** bind. 11.—, broŝ. — — — — | 8.80 |
| **Hekler: Arthistorio** I. bind. 15.—, broŝ. — — — — | 13.— |
| **Bleier—Kökény—Sirjaev: Enciklopedio de Esperanto** vol. I. A—J bind. 15.—, broŝ. — — — — | 13.— |

**ALIAJ VERKISTOJ:**

| | |
|---|---|
| **S. Asch—I. Lejzerowicz: La Sorĉistino el Kastilio** romano bind. 5.—, broŝ. — — | 3.50 |
| **Grenkamp — Brzekowski: Pri l' Moderna Arto** bind. 9.—, broŝ. | 7.— |
| **J. Forge: Mr Tot aĉetas mil okulojn** — Romano bind. 5.80, broŝ. | 4.— |
| **Francisko Szilágyi: Poemaro el Hungarlando** bind. | 2.50 |
| broŝ. | 1.50 |
| **Francisko Szilágyi: Trans la Fabeloceano** novelaro bind. 4.50, broŝ — | 3.— |
| **Szilágyi: La Simpla Esperanto** (gram. por hung.) broŝ. | 1.35 |
| **Teodoro Schwartz: Modernaj Robinzonoj** broŝ. — | 1.50 |
| **La Pentroarto en la malnova Hungarujo,** kun 95 ilustrajoj duonlede bindita — — — — — | 15.50 |
| **L. Totsche: De Paĝo al Paĝo** studoj bind. 4.—, broŝ. | 2.50 |
| **Engholm: Homoj sur la Tero** romano bind. 5.—, broŝ. | 3.60 |
| **Kenelm Robinson: Homarisma Laboro** broŝ. — — | 0.60 |
| **I. Sirjaev: Peko de Kain** broŝ. — — — — — | 1.— |
| **H. Weinhengst: Turstrato 4.** romano bind. 5.50, broŝ | 4.— |
| **E. Aisberg: Fine mi komprenas la radion!** bind. — | 6.— |
| broŝ. | 4.50 |
| **K. Karinthy—L. Totsche: Vojaĝo en Faremidon** broŝ | 1.20 |
| **K. R. C. Sturmer: El Notlibro de Praktika Esperantisto.** bind. 4.—, broŝ. — — — — — | 2.50 |
| **Hungara Ŝlosilo** — — — — — | 0.18 |

**Prezoj en svisaj frankoj!**

Aldonu 10% por sendkostoj

# Niaj reprezentantoj:

**AUSTRIO:** Rudolf Foltanek, **Wien,** I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704

**AUSTRALIO:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, **Melbourne** 185 Exhibition Str.

**BELGUJO:** Belga Esperanto Instituto **Antwerpen,** Kleine Hondstraat 11. Poŝtkonto nro 1689.58.
Flandra Esperanto-Instituto. **Kortrijk,** Magdalenastraat 29. poŝtkonto nro 3268.51.

**BRITUJO:** Alec Venture, **Mitcham,** (Surrey) 42 Hawkes Road.

**BULGARUJO:** Centra Librejo »Esperanto« **Sofia** str. Maria Luiza 38.

**ĈEĤOSLOVAKIO:** Otto Sklenĉka, **Hradec-Kralové.** Poŝtkonto nro: Brno 110.878.

**DANUJO:** Isosek, sro L. Friis **Aabyhöj,** Frodesvej 21. Poŝtkonto nro: 16295.

**ESTONIO:** Helmi Dresen, **Tallin,** Poŝtkest 6.

**FRANCUJO:** Centra Esperanto Librejo **Paris** 6e, 11 rue de Sévres
Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.
**S. Grenkamp-Kornfeld,** Paris XIV-e 117 Bd. Jourdan.

**GERMANUJO:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, **Berlin** 138084

**HISPANUJO:** Ferdinand Montserrat, **Barcelona,** str. Provenza 75, 2—3a

**ITALUJO:** Itala Esperanto Centro **Milano,** Galleria Vittorio Emmanuele II. 92
Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.

**JUGOSLAVUJO:** Sudslava Esperanto Servo **Zagreb,** Primorska 11.
La Suda Stelo **Slavonski Brod** Poŝtfako 41.

**NEDERLANDO:** Leo Moreau, **Arnhem,** Esperanto-Domo poŝtkonto nro 13848.

**NORVEGUJO:** Norvega Ligo Esp-ista, **Oslo,** Bergsliengata 11.

**POLUJO:** Halina Weinstein, **Warszawa,** str. Leszno 99. P. K. O. W. Nr. 27867.
Izrael Lejzerowicz, **Lodz,** Skwerowa 20. Poŝtkonto nro W. P. K. O. 68273.

**RUMANUJO:** Esp.-Instituto Rumana, **Cluj,** str. Bravilor 15

**SVEDUJO:** Förlagsföreningen Esperanto, **Stockholm,** 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578.

**SVISUJO:** Nova Esperanto Grupo, sro Hans Pfiffner, **ST. Gallen** C. Gallusstrasse 34. Poŝtkonto: Nr. IX. 53.44.

**JAPANUJO:** Japana Esperanto Instituto **Tokio,** Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.

**USONO:** Amerika Esperanto-Insituto. Madison, (Wis.) Sherlok Hotel

**ALIAJ LANDOJ** ne menciitaj ĉi tie, bonvolu sendi poŝtmandaton **al P. K. O. Polujo,** Krakow Nro 403148 Administracja Literatura Mondo. Internaciajn poŝtajn respond-kuponojn ni akceptas en la valoro de 0.30 sv. fr. por unu. Aldonu 10% por sendkostoj.

# La malfrua amfeliĉo de Johano Nardo

**DOLĈE-AMARA NOVELO**

**— H. Weinhengst —**

Malfrue en la mateno Johano Nardo vekiĝis el bonfara dormo. Estis jam la dua fojo; unuafoje li estis vekiĝinta antaŭ proksimume tri horoj, precize je la sesa. Li eldormiĝis tiam, malgraŭ ke ne sonoris la vekhorloĝo, ĉar pli ol tridekjara kutimo estis kreinta precize funkciantan vekilon en li mem.

Sed kiam post la unua vekiĝo li jam volis sin vesti, li subite memoris: ho, mi ja ne plu devas iri al dejorejo! Ekde hieraŭ mi ja estas pensiita. Do, mi havas ankoraŭ tempon. Kaj ili rekuŝiĝis kaj dormis plu.

Vekiĝinte duafoje, Johano Nardo rigardis tuj al la horloĝo pendanta vidalvide de li: Preskaŭ la naŭa horo. Unuaimpulse li volis ellitiĝi. Sed meze en la moviĝo li haltis kaj malrapide sin returnis. Li ja havas tempon! Li do ankoraŭ restu en la lito, maldiligentumu en ĝi ankoraŭ iomete. Li povas foje mediti pri tio, kion li faru ekde nun. La pensiiĝo, kvankam antaŭsciite, verdire surprizis lin nepreparitan. Li neniam ĝis nun serioze pripensis, kion li faru kiel dejorlibera pensiulo.

Ekstere pluvis. Tra la malfermita fenestro li povis aŭdi la monotonan klaketadon de surfalanta gutaro kaj vidi la vibrantajn strietojn antaŭ la vidalvida fenestro, kiuj memorigis lin pri la malagrabla stribriletado sur bildoj de eluzita filmo. Ho, li havas tempon, ne bezonas rapidi el sia lito. Kion li ja farus per la longa pluva tago?

Cerbostreĉe li pensis pri la demando, kion li faru estonte, kiel li okupu sian pluan vivtempon. Kaj li mire ekvidis, ke tiu demando ne estas tiel facile respondebla. Nu jes, li legos, li iafoje ludos kartludon kun amikoj, li iam — tiam promenos. Sed la tagojn okupi nur per tio ne eblos. Li estas nek pasia leganto, nek fervora kartludanto; kun fremduloj kaj por mono Johano Nardo principe ne ludas.

Ho, kiom ofte dum la tridektrijara dejortempo li pensis sinkonsole pri tio, ke lia maljunaĝo estas certagrade sekurigita, ke li iam havos pension kaj ĝuos siajn lastajn vivjarojn sen prema zorgo, en libervola okupo. Nun fine ĝi alvenis, tiu tempo, kaj li ne scias ĝuste ĝoji pri ĝi, ĝui ĝin. Gi venis iom malfrue; pli frue, iam, jes, li sciis kion fari, li elpentris al si mil plezurojn nemultekostajn por la tempo, en kiu li ne havos devojn, tamen enspezojn. Sed nun ĉiuj tiuj plezuroj kaj amatoraj okupoj, kiujn li siatempe konsideris bonaj, malaktualiĝis por li.

Li ellitiĝis, iris en noktmantelo al la necesejo, revenis, kaj rekuŝiĝis. Preterirante li deŝiris folieton de la kalendaro surmura, kiu nun montris vendredon, la unuan de junio.

Eble mi aĉetu ĝardeneton kun kabano, kiel mia kolego Pioĉo, kaj prilaboru ĝin. — Nardo daŭrigis sian meditadon. — Gardenkultura laboro estas saniga kaj donas diversajn ĝojojn. Sed por tio mi estas tro maljuna. Cetere: kaj vintre? Tamen, kial tro maljuna? Kvindeksep-jara mi estas. Cu tio estas tiel granda aĝo? Ne! kaj vintre? Nu, ĝis tiam mi ankoraŭ havos multe da tempo por trovi okupon.

Sed soleca li sentos sin, multe pli ol ĝis nun. Estas tamen stulte por viro, resti tiel sola, fraŭla, la tutan vivon. Subite ekŝajnis al li mem nekompreneble, mirige, ke li restis fraŭlo. Kiel tio ja okazis? Jes, vere, virinojn li havis sufiĉajn, plurfoje li estis jam aŭ preskaŭ edziĝonta. Sed ĉiam aŭ io intervenis aŭ li lastmomente ŝanĝis sian decidon. Prakulpa pri tio estis ŝi, nur ŝi . . .

Mela! Mela Kortano. Kiel bone li ankoraŭ memoras ŝian nomon kaj ŝin, ŝian figuron, ŝian klarsonan ridon, ŝiajn petolajn brunajn okulojn kaj la malhelan, abundan hararon, kiu dissolvite malsuprenfluis ĝis sub ŝia postaĵo. Grandan kronon ĝi formis frizite kaj ligite en dikaj plektaĵoj surkape. Hodiaŭ tiu hararo certe ankaŭ estas mallongtondita, ne plu plektita, konforme al la nuna modo. Kaj kredeble jam griza, almenaŭ ekgrizanta kaj malpli densa. Kiom aĝa ŝi ja povas nun esti? Ĉirkaŭ kvindek, jes, ĝuste kvindekunujara, kondiĉe ke ŝi ankoraŭ vivas.

Kiom li amis tiun virinon! amis? Ha! Eĉ nun ankoraŭ plirapidiĝas lia korbato, kiam li pensas pri ŝi. Estas ja dubinde, li konfesas al si, ĉu li amus tiel la nunan virinon, la hodiaŭan Melan. Sed lia amo al la juna, al tiu Mela, kiun li forlasis antaŭ tridekunu jaroj, neniam mortis, neniam ĝis hodiaŭ.

Kvar feliĉajn jarojn, feliĉajn malgraŭ iaj malagrabloj de lia tiama tempo, li pasigis kun ŝi. Nur deksesjara, sed bone evoluinta fraŭlino estis Mela Kortano, kiam la tiam dudekdujara Johano Nardo konatiĝis kun ŝi. Komence la gepatroj de la knabino kontraŭis al la amrilato; ŝi estas tro juna por tia afero, ili diris. Kaj eĉ ankoraŭ pli poste: ĝis li ricevos ŝtatan postenon, kiu promesos al li pension. Tial ili dum du jaroj devis tute kaŝi sian interrilaton, sian amon. Sed tio nur pliardigis la amon, faris la aferon dolĉe romantika.

Ŝi estis firmkapulino, obstinulino, malcedema kaj kaprica laŭnature, same kiel li mem. Tial ili ofte interfrotis sin kiel du malmolaj ŝtonoj kaj estiĝis fajreroj. Ili ofte disputis, kverelis, malpacis, disiĝis. Sed des pli firme ili kunligiĝis ĉiufoje post kelkhora, kelktaga disiĝo, — oh, pli ol du tagojn malpaco inter ili neniam daŭris — kaj tiam kutimis ambaŭ, kaj li kaj ŝi, konfesi certan kulpecon kaj la suferitan kortimon, ke ili povus tute perdi unu la alian. Kia feliĉa tempo, neelparoleble feliĉa estis tiu! Eĉ la ĉagrenoj kaj suferoj, kiujn al li tiam kaŭzis disputoj kaj malkonkordoj kun la knabino, nun ŝajnas al li parto de la iama feliĉo.

Johano Nardo revue pasigis en sia imago tiun tempon de sia unua amo, de tia amo, kian li neniam plu poste povis travivi, nek laŭ ardeco nek laŭ pureco nek laŭ feliĉeco. Kvar jarojn daŭris tiu bela tempo. Ĉiam pli ili interproksimiĝis, ĉiam pli la malglataĵoj disigaj de iliaj karakteroj forfrotiĝis kaj fine »ili estis du koroj kun unu batado«. Tamen ...

Jes: nur unu afero fine ankoraŭ amarigis ilian interrilaton, vundis kaj finfine venenis ĝin. Li estis pasia, malpacienca junulo tiam, kiu ne volis nek sciis atendi kaj bridi sin. Longe ja ilia amo estadis ĉasta, platona. Sed ju pli ili intimiĝis, des pli ardaj, pasiaj impulsoj en li kripostulis plenumiĝon de lia sopiro tute ŝin ekposedi. Kaj ŝi — ŝi estis ĉasta, preskaŭ pruda knabino, edukita laŭ severaj religiaj moroj, kio strange kontrastis al ŝiaj laŭnaturaj viveco kaj varmsangeco. Nek petoj, nek plendoj, nek insultoj efikis, ke la belulino foje cedu kaj oferdonu al li sian virgecon. »Nur post nia geedziĝo, Johano!« ŝi kutimis diri. Li admiris ŝin, sed samtempe nur pli ardiĝis lia sopiro. Li do

# LA DIABLOJ

— A. S. PUŜKIN —

*Nuboj naĝas, nuboj kuras,*
*Lun' sin kaŝas je duon'*
*La fluganta neĝo lumas*
*En malvasta region'.*
*Kuras kampoj trapasataj,*
*La tintilo — tin-tin-tin...*
*Tim' en valoj nekonataj*
*Kontraŭ vol' ekkaptas min*

*»Hej, antaŭen!« — »Mi ne povas —*
*Laca estas ĉevaltri;*
*Vojosignon vent' forblovas,*
*Ĝin jam plu ne vidas mi.*
*Devojiĝis ni sendube!*
*Kion fari en nebul'?*
*Nin kondukas sub la nuboj*
*Diableto-Petolul'.*

*Jen, rigardu! — neĝon knedas,*
*Blovas, kraĉas li sur min;*
*Jen ĉevalon nian tedas,*
*En kavegon puŝas ĝin.*
*Li sin dum mallonga daŭro*
*Turnis kvazaŭ karusel'*
*Kaj, brilante kiel fajro,*
*Malaperis en malhel'.«*

*Nuboj naĝas, nuboj kuras,*
*Lun' sin kaŝas je duon'*
*La fluganta neĝo lumas*
*En malvasta region'.*
*Jen ni plujam ne veturas,*
*La tintil' ne tintas plu.*
*Arba trunk' aŭ lup' lumturas*
*En malluma densa blu'?*

*Neĝblovad' kolere ploras,*
*Ronkas nia ĉevaltri':*
*La diaboloj ja dejoras*
*Plej proksime ĉirkaŭ ni.*
*Ree kuras la ĉevaloj,*
*La tintilo—tin-tin-tin...*
*Kaj denove en la valoj*
*La diabloj tedas nin.*

*Turnas sin terur-malbelaj*
*En malklara lud' de l' lun'*
*La diabloj — kiel ŝeloj*
*Aŭ folioj dum aŭtun'.*
*Kial plenda kant' aŭdiĝas*
*Sub tegment' de kumulus'*
*Sorĉistino edziniĝis,*
*Aŭ koboldo mortis jus?*

*Nuboj naĝas, nuboj kuras,*
*Lun' sin kaŝas je duon'*
*La fluganta neĝo lumas*
*En malvasta region'.*
*Svarme flugas la diabloj*
*En falanta neĝa vat',*
*Min per hurloj malagrablaj*
*Turmentante sen kompat'.*

El la rusa: *V. Ivin*

---

volis edzinigi ŝin, kiam li havis ŝtatpostenon. Sed tiam ŝiaj gepatroj intervenis dirante: ne pli frue ol kiam Johano estos »fikse dungita«, tio estis, kiam li havos tian dungokontrakton, kiu certigos al li pension kaj ke li neniam estos maldungata, se li ne grave pekos kontraŭ la deĵorreguloj. Tian kontrakton oni ricevis nur post trijara bonkonduta deĵorado.

Kaj la knabino pli aŭskultis kaj obeis al siaj gepatroj ol al Johano. Fine jam nur unu jaro disigis lin de la tempo, kiu plenumos lian ardan deziron. Tiam li iutage eluzis oportunan okazon kaj provis apliki perforton, pensante, ke gravas nur la unua fojo, poste la virino jam malpli rezistos. Sed li malsukcesis. Mela laŭte kriegis kaj liberiĝinte el liaj manoj forkuris. De tiam Johano kaj Mela neniam plu kunvenis. Komence ambaŭ spitis ofendite, eble efektive ne plu volis paciĝi. Pli poste ĉiu atendis kaj postulis, ke la alia venu unue. Kaj li kaj ŝi ĉiutage esperatendis signon de la alia. Sed neniu volis fari la unuan paŝon al repaciĝo. Johano Nardo estis funde ofendita, li opiniis sin prava almenaŭ en tio, ke Mela neniukaze rajtis fari tian bruon, kvazaŭ tute fremda voluptulo atakus ŝin. Kaj li diris al si ankaŭ, ke la problemo ne solviĝos, se li simple repaciĝos al Mela.

Fine dolorakore, sed kun spite gaja mieno li ekrilatis kun alia knabino, kiu baldaŭ plej preteme sin donis al la bela junulo kun la bona pozicio. Li kondukis ŝin tra la urbaj stratoj, ofte preter la domo, en kiu Mela loĝis, ĝis li klare konstatis, ke ŝi jam vidis lin kun la nova amatino. Tiu amrilato neniam kontentigis lian koron kaj baldaŭ disŝiriĝis. Pli poste al Johano kelkfoje ŝajnis, kvazaŭ ree ekflorus en li »la granda amo« al iu virino, sed ĉiam tio montriĝis trompo. Mela, la memoro al Mela, ne plu liberlasis lin. Kaj tiel li restis fraŭla kaj kun la pliaĝiĝo li pli kaj pli izoliĝis.

Jam ofte, precipe en la lasta tempo, li, la maljuniĝanta Johano Nardo, preme kaj dolore sentis sian solecon, iufoje eĉ klare la mankon de virina kunulo, kiam li de deĵoro aŭ plezuro revenis en sian fraŭlan loĝejon. Nemalofte tiu solecsento pelis lin je liberaj tagoj eksteren, inter homojn; iafoje eĉ, kiam li observis sian najbarinon, kiu por malgranda pago purigis kaj ordigis liajn loĝejon kaj vestaĵojn, lin ekfrapis subita ideo, ke li devus ankoraŭ edziĝi. Sed neniam ĝis nun tiu izoliteco, tiu penso kaj deziro pri kunulino tiom obsedis lin kiel hodiaŭ.

La horloĝo surmure batis la dekan horon. Johano Nardo ŝiriĝis el sia meditado. »Maljuna stultulo,« li insultis sin mem, »vi ja ne volos nun sentimentaliĝi kiel dudekjarulo! Kia vi preparis vian liton, tia ĝi nun estas, tia estas nun via kuŝado en ĝi.« Li rigardis tra la fenestro kaj, ne plu vidante la strietojn preterfluint-

ajn antaŭ la kontraŭa fenestro, li ekleviĝis. »Ĉesis pluvi«, li konstatis. »Mi do foriru por ekhavi aliajn pensojn. Antaŭ ĉio mi iru manĝi ion, ĉar nenio pli melankoliigas ol malplena stomako.« — — —

Johano Nardo sidis ĉe tablo en sia loĝejo legante leterojn. Tutan amason da ili estis alportinta la poŝtisto. Li estis aperiginta anoncon en gazeto: »Kvindeksepjara, ŝtatpensiulo staranta izolite en la mondo sopiras intiman duopon kun ordema kaj komprenema virino, vidva aŭ senkulpe eksedziniĝinta, kiu emus esti al li sincera amikino kaj mastrumantino. Propra meblita loĝejo. Kaze de bona interkompreniĝo eventuale posta geedziĝo. Ne fumas, ne trinkas, ne ludas. Interesitinoj skribu al la administracio de la gazeto kun la surskribo »Ĉirkaŭ kvardek — ĝis kvindekjara«. En la administrejo li estis lasinta sian adreson kun la peto, ke oni pluekspedu alskribojn al li.

Tiom da alskriboj li ne esperis, kvankam li sciis, ke multaj virinoj arde aspiras la certagrade senzorgigan ligiĝon al ŝtata pensiulo kun propra loĝejo. Nun li sidis antaŭ dudekok leteroj kaj ŝvitis pro la malfacileco de la elekto kaj pro la timo, ke li elektos malĝuste.

Inter la alskribintinoj estis du malpli aĝaj ol tridek jaroj, dekunu inter tridek kaj kvardek kaj nur kvar, kiuj jam vivis pli ol kvindek jarojn. Kelkaj eĉ alsendis siajn fotobildojn, el kiuj kelkaj prezentis loge ĉarmajn virinetojn.

Li legis kaj meditis dum horoj, iafoje ekridetis amuzite kaj pli kaj pli bonhumoriĝis. Sunbrilo falis en la ĉambron kaj striis hele sur la tablo. La antaŭ kvar tagoj aĉetita kanario kantis vigle, ĉesis foje por frandi de apriktoto, kantis ree, ĉesis refoje por bani sin per drolaj movoj en la vitra banujo, skuis sin kaj ekkantis denove. El najbara loĝejo ĉi-transen sonis gaja kamparana muziko disaŭdigata de radiosendilo.

»Ho, jes,« Johano Nardo ekkriis subite, »ankaŭ radioaparaton, bonan, modernan, mi aĉetos!«

Tri leterojn li fine elektis por ilin unuavice respondi. »Ĉiuj bonaj aferoj estas trio,« li murmuris gaje. Unu estis de kvardekdujara vidvino, kiu laŭ la kunsendita foto ŝajnis simpatia kaj bonkora. La duan skribis kvardeksesjara virino »senkulpe eksedziniĝinta« kun dekkvinjara filino, kiu »certe neniel ĝenos bonan interrilatiĝon« laŭ la aserto de la skribintino. Kaj la tria letero tre mallonga devenis de kvindekjara vidvino; kial li ĝin elektis, li mem ne sciis ĝuste argumenti. Ĝi ne estis ilustrita per akompana fotobildo, estis ekscese vortmalriĉa kompare al aliaj kaj indikis anstataŭ adreso nur poŝtejon kun la noto »poŝtrestante«. Eble ĝuste tiu iom mistera, sinkaŝa maniero allogis lin; eble, aŭ eĉ pli verŝajne — li tion iom honteme konfesis al si — estis nur la nomo, la subskribo, kiu impresis lian stultan maljunulkoron. »Mela Botisto« ĝi tekstis. — — —

Jam dek kvar tagojn poste la ŝtata pensiulo Johano Nardo edziĝis kun la kvindekunujara vidvino Mela Botisto.

Tiu tago estis unu el la plej feliĉaj de lia vivo. Do tamen ankoraŭ... Estis kiel en amare-dolĉa romano. Ĉar la vidvino Mela Botisto estis neniu alia ol lia neniam forgesita iama junulamatino Mela Kortano.

Tuj post la luksa festmanĝo, kiun partoprenis ĉiuj amikoj de Johano, la najbarino, kiu tiom longe prizorgis liajn loĝejon kaj vestaĵojn, kun sia familio kaj pluraj parencoj kaj gekonatoj de Mela, la novgeedza paro startis al mallonga edziĝvojaĝo. Kaj ili pasigis belegajn sep tagojn en montara vilaĝo ĉe frato de Johano, kiu tie estis montgvidisto kaj ŝuisto.



Greco: *La enterigo de grafo Orgaz.*

Kiom ili havis por diri unu al la alia re- kaj refoje. Kaj ĉiam denove la alia persono interesite aŭskultis, kiam la alia rakontis ion jam trifoje rakontitan el siaj lastaj tridekunu jaroj. La vivo: kiel li mil- kaj milfoje pentis sian tiaman malpaciencon, obstinan stultan agadon; kiel li neniam povis forgesi ŝin, sian unuan amatinon, kiel li suferis pro sopirdoloroj kaj neniam povis vere ami alian virinon; kaj kiel li pensis pri ŝi estiĝinte pensiulo, kiel li tuj rememoris ŝin kaj malklare ekesperis kortreme legante ŝian leteron kun la subskribo Mela Botisto. Kaj la virino rakontis, kiel ŝi milfoje malbenis sian stultan prudecon kaj la edukon de la gepatroj, kiuj igis ŝin oferi sian vivfeliĉon al malnovmoda koncepto pri virinaj honoro kaj virgeco. »Kiom mi ploris,« ŝi diris interalie, »kaj esperatendis signon de vi, kiel mi pretis jam ĝoje rekuri al vi, se vi donus nur plej etan signon pri pardonemo kaj repaciĝemo, kiom mi suferis vidante vin iri brak' en brako kun alia virino! Mi ne kaj ne povis kredi, ke ĉio bela kaj feliĉiga inter ni por ĉiam finiĝis.« Kaj ŝi priskribis, kiel ŝi fine, post jaroj, malespere cedis al la trudaj edzinigproponoj de gastejestra filo. Ŝi pentris, dum Johano aŭskultadis kortuŝite, sian turmentplenan edzecon kun tiu viro, terura drinkemulo, kiu insultis kaj batis ŝin kaj finfine ruinigis sin korpe kaj negoce, ĝis li antaŭ du jaroj mortis lasante ŝin en mizero. Ŝi havas tri filinojn kaj unu filon, kiuj neniel zorgas pri ŝi.

Sed nun, ekde nun — ili, Johano kaj Mela, ĉiam denove konkludis unuanime — ĉio reestiĝos bona, tiel bona kiel ili ne povis sonĝi tion. Malfrue, sed tamen ordiĝos tiel, kiel ili maljunuloj apenaŭ rajtis deziri. Kaj ili tute ne kondutis kaj impresis kiel maljunuloj, pli ĝuste kiel juna, eĉ petolema juna amparo. — —

Apenaŭ unu jaron poste. Malfrue en la mateno Johano Nardo vekiĝis el bonfara dormo. Estis jam la dua fojo; unuafoje antaŭ du horoj la kolere insulta voĉo de lia kara edzino ŝiris lin el la karesaj brakoj de Morfeo.

Mela tiam malĝentile postulis, ke li fine jam ellitiĝu, por ke ŝi povu reordigi liton kaj ĉambron. Estas skandalo, — ŝi emfazis — ke ŝi devas suferi tiom pro lia nokthora forresto de hejme. Vespere li venas hejmen malfrue kaj ĝenas ŝian dormon, la malmultan vere bonan dormon, kiun ŝi povas ĝui ĝuste nur en la vesperaj horoj, dum ŝi matene kuŝadas maldorma preskaŭ depost noktmezo. Kaj matene poste li volas maldiligentadi en la lito, tiel ke ŝi ne povas orde komenci sian mastruman laboron kaj devos revarmigi lian matenmanĝaĵon, kio cetere kostas hejtmaterialon. Ŝi ankoraŭ forkuros, se tio ne estiĝos alia. — Ĉe kio Johano kontraŭvole ekpensis: ho, se ŝi tion jam farus! — Ŝi nun foriros por aĉeti nutraĵojn — Mela finis sian lamenton — kaj ve al li, se li ankoraŭ ne estos ekster la lito, kiam ŝi revenos. Tiam Johano returniĝis al la muro kaj refermis siajn ankoraŭ dormopezajn okulojn.

Vekiĝinte nun duafoje li rigardis la horloĝon: Duona post la naŭa. Ho, — li pensis — ĉiumomente Mela povas reveni! Ŝi eĉ jam devus esti ĉi tie, se ŝi ne estus tia klaĉemulino; certe ŝi ree renkontis plurajn amikinaĉojn sur la foirejo, kun kiuj ŝi per maldiskreta lango tralavas la subvestaĵon de konatoj kaj de sia propra edzeco.

Estas naŭze! Nu, li iam alia imagis la edzecon. Kaj Mela, tiu Mela de liaj mil dolĉe-amaraj revoj montriĝis vera Ksantipo! Baldaŭ post la edziniĝo ŝi eksvingis la sceptron, starigis pedantan ordon kaj severegan reĝimon en lia loĝejo. Komence li ankoraŭ subiĝis en amo, preskaŭ kun ĝojo, iom poste kun rezigna, indulga rideto, pensante, ke ĉio eble devas esti tia, ke al li utilos iom da ordo, disciplino, kaj ke ĝi iom post iom malpli sentiĝos, ke ja »nova balailo ĉiam bone balaas.« Sed fine, nun jam antaŭlonge — ho, kiel longe jam? — la nova vivo eknaŭzis lin.

Ĉe ĉia vetero — ĉe malbona li tion ja komprenus — Johano devas demeti kaj surmeti ŝuojn nur sur la loĝejporda sojlo; en la loĝejo li rajtas porti surpiede nur pantoflojn. Inter liaj amikoj Mela faris elekton kaj indikis tiujn, kiujn li rajtas inviti al si. Ŝi malpermesis tute al li, interrilati kun iuj el ili, ĝuste kun tiuj, kiujn li ĉiam plej ŝatis. Radion, »tian bruaparaton«, li ne rajtis aĉeti kaj la kanarion ŝi ne plu lasis libere ĉirkaŭflugi en la ĉambro. Iutage la kara birdeto kuŝis morta en la kaĝo; certe pro ĉagreno pri la severigita mallibereco. Kiam Johano foriru kaj kiam li restu hejme, kiel bona edzo, ĉe sia edzino, ankaŭ tion ŝi fiksis. Se li foje — kiel hieraŭ vespere — iom pli longe ol permesite forrestis ĉe amiko aŭ en kafejo aŭ

# HANIBALO

### Du sonetoj de J. M. Heredia

## Trebbia

*Maten' de tag' sinistra blankiĝis montkolorojn.*
*Tendar' vekiĝas. Sube rivero muĝe sinkas;*
*la skadro de movlertaj Numidoj tie trinkas.*
*Kun klara vok' sonoras ĉie bukcinatoroj.*

*Car malgraŭ Scipiono, falsaj aŭgur-esploroj,*
*kvankam inundis Trebbia kaj vent' pluvnubojn vringas,*
*Sempronius konsulo, kiun gloramo svingas,*
*ordonis faskojn levi kaj marŝi al liktoroj.*

*Pentrante nigran ĉielon per brulo ruĝe kupra,*
*ĉe l' horizont' bruladis la vilaĝar' Insubra;*
*aŭdiĝis malproksime muĝado elefanta.*

*Kaj tie, sub la ponto, apoge ĉe l' arkado,*
*enpense, Hanibalo aŭskultis, triumfanta,*
*kiel plandbruas surde legioj en marŝado.*

## Post Kannoj

*Unu konsulo mortis; la dua al Literno*
*aŭ Venuzio fuĝis. Aŭfido transtumultis*
*tro plena de kadavroj. Al Kapitol' insultis*
*fulmbato; bronzoj ŝvitas kaj mornas nubo-sterno.*

*La Granda Pontifiko, post vana lektisterno,*
*sibilan orakolon dufoje jam konsultis;*
*avo, vidvin' kaj orfo lamente plorsingultis*
*en Rom' funebra, kiun plenigis tim-konsterno.*

*Vespere l' akveduktojn sieĝis svarm' senorda,*
*sklavo, virin' infano kaj kadukulo olda,*
*kaj ĉio, kion vomas Subur' kaj dom' de puno,*

*angore, ke sur monto Sabina, ruĝe brula,*
*aperos en sangbrilo de la okul' de l' suno*
*la duonblinda Estro sur elefant' Getula.*

El la franca: *G. Waringhien*

# La malamikoj

— de L. N. Newell —

ROBERTO *(kvazaŭ li dirus ion revolucian)*: André Gide estas bona aŭtoro.

JOHANO *(ridetas)*: Jes?

ROBERTO: Lia *Monfalsistoj* — en ĝi kio ne estas? La kompreno, la profundo... mi scias, kiu estas Passavant.

JOHANO: Kiu?

ROBERTO: Gide mem, kompreneble.

JOHANO: Je-e-es.

ROBERTO: Kiujn el liaj verkoj vi jam legis?

JOHANO: Nu, *Monfalsistoj*, *Se ne mortos la grenero*, *Mallarĝa la pordo*, *Lernejo por edzinoj*, *Oscar Wilde*...

ROBERTO: Li konstante ekspozas sin — konsideru nur Eduardon kaj Passavant en *Monfalsistoj*, konsideru *Se ne mortos la grenero*. Kredeble neniu moderna aŭtoro, ne eĉ Proust mem, pli malkaŝe ekspozis sin. Kiom, viaopinie, li montras el si en siaj verkoj?

JOHANO: Nu... nu... eble duonon, eble trionon — neeble taksi.

ROBERTO: Do, vi konsentas. Mi jam sentas de longe, ke ĉi tiuj sinekspozuloj, ĉi tiuj malkaŝemuloj, tre eble rezervas al si grandajn regionojn de sia karaktero, pli interesajn ol tiuj elmontritaj.

JOHANO: Vere. En alia mondo, pripensu Hohlov aŭ Baghy. En siaj poemoj ili parolis malkaŝe; sed pri ili kion ni scias? Estas kvazaŭ oni studus gvidlibron pri vilaĝeto, kiam oni volas trovi sian vojon tra Eŭropo. Ili estas tiom vastaj, ke ni, malpli grandaj, ne povus enteni ilian vastecon — eĉ se ili povus elmontri ĝin.

ROBERTO: Ĉiam estas tiel ĉe geniuloj, — la bonŝanculoj, tio estas. La genio konsistas el iom da talento, kaj granda kvanto da bonŝanco — la okazo sin montri, sin evoluigi.

JOHANO: Mi konas tiun teorion vian. Sed por mi genio estas ia energio kunmetita el klara cerbo. Kio distingas, ekzemple, min de Aldous Huxley aŭ Italo Svevo? Mia cerbo estas sufiĉe klara; mi povas aprezi ilian laboron, mi povas kompreni iliajn celojn; eĉ, kelkfoje, mi antaŭtrovas iliajn eltrovaĵojn — kaj kelkfoje ili ŝajne ne konscias miajn. Ili estas geniuloj; mi ne estas — kaj la diferenco: ili havas en si ian teruran, trankvile bolantan energion, kiun ni nomas, kiam ĝi aperas, genio.

ROBERTO: Ne, ankaŭ ni estus geniuloj — se nur ni havus la okazon. Ni manlaboras, mankas al ni tempo; ni ne naskiĝis en la ĝusta medio. Kial la laborista klaso produktis, relative, malmultajn geniulojn? Mankis okazo.

JOHANO: La aristokrato ne elspezas sian energion pri manlaboro, pri ciferoj en kontlibroj; li do povas konservi por la pensaado, por la kreado de l' belo sian energion. Ĝis tio, mi konsentas: sed la plimulto, la vasta plimulto de la aristokrataro kaj burĝaro nenion produktis, ĉar nur malmultegaj homoj havas tiun energion. Nure, ĝi devas esti relative pli potenca ĉe la manlaboristo, ĉar li devas pli multe elspezi... Gide havas grandiozan energion, kun du elfluejoj: ĉefe, la emocio, kaj due, la intelekto. Huxley havas egalan energion, kun preskaŭ nur unu elfluejo: la intelekto.

ROBERTO: Estu, kiel estas. Almenaŭ vi devas konfesi, ke Gide havas, laŭ via teorio, grandiozan energion... Kurioza homo. Vi iam penetre rimarkis, ke li estas stranga sintezo de la skeptiko kaj la sentimentalo: ke li vidas tre klare, kaj konkludas el la observaĵo ion sentimentalan. Sed kio estas la sentimentalo? Ĉu li estas sentimantala, se liaj konkludoj validas por li?

JOHANO: Kio estas vera por li, ne estas ĉiam vera por aliaj. Do, por ĉi tiuj, ĝi estas sentimantala. La sentimentalo dependas tute de personeco; kiel, cetere, ĉio alia.

ROBERTO: Jen vi havas — la personeco, la sola interesaĵo de la mondo. Tio min okupas ĉiutage ĉiam pli — kaj min malesperigas. Kiel montri la senfinan interplektadon, nuancan ŝanĝetadon, subtilegan kolorojn de la humoroj! Vi, kiu estas mondulo, praktika, skeptika, iam vi mokis min, ke mi naive miras pri la mirindeco de la vivo, pri ĝia neelĉerpebla strango. Nu, mi konfesas, ke mi havas en mi naivon, kiun vi ŝajne sukcesis elradiki ĉe vi. Vi verkas poezion, sed estas ĉe mi pli multe da poezio; mi povas grandokule rigardi la universon, miregante.

JOHANO: Ŝajnas al mi, ke la poezio pli ofte rigardas la eksteran universon, anstataŭ la personojn. Mi ĉiam miris, ke vi ne verkas poezion; eble mi povas nun kompreni: vi rigardas ĉiam la personecojn, kaj el tiu temo malpli ofte kreas poemojn. Eble, eble... Sed ni konsentis jam antaŭlonge pri la superega intereso de la personeco. Jen la peniko de l' arto.

ROBERTO: Miaj amikoj, multiuj el ili, mokis kaj ridis pri mi, kiam mi diris, ke mi ĉiam preferas artefaritan floron, ol naturan.

JOHANO: La Naturo estas natura, ne artefarita — jen la plej damna akuzo kiun oni povas fari kontraŭ ŝi. Tro natura... La belo, la plej alta belo, dependas de ordigo, de ia ordigo kiu havas por ni ian profundan, ne klare komprenatan signifon. Kampara aŭ monta pejzaĝo estas bela; sed ĝi estas senfine pli bela, kiam genia pentristo estas stampinta sur ĝin sian karakteron, doninta al ĝiaj formoj kaj koloroj pli subtilan, pli ravan harmonion.

---

aliloke. Mela insultis, lamentis, eĉ ploris. Kiam ajn la edzino vidis lin paroli kun virino, ŝi naŭze ĵaluzis. Tiuj kaj multaj aliaj aferoj en lia edzeca vivo ne plaĉis al Johano Nardo kaj jam post unujara daŭro tedigis ĝin al li.

La radiaparato en la najbara loĝejo aŭdigis modernan kanzonon, laŭ kiu ies kara edzino havas pintajn harojn sur la dentoj. Aŭ la radio kriis tiel senhonte laŭte aŭ la muro estis tiel nekredeble maldika, ke Johano Nardo trude klare komprenis la rakontaĵon, kiu ŝajnis al li kvazaŭ moko pri lia situacio:

> Ankoraŭ fianĉin',
> Ŝi estis anĝelin';
> Sed tuj post sia edziniĝ'
> Ekestis ŝi — ho malfeliĉ'! —
> Megero, megero...

La viro aŭskultis tiel emociite kaj atente, ke li tute ne aŭdis la envenon de la edzino.

»Kio? ankoraŭ en la lito?« Mela ekkriis kun ekstreme alta voĉo koleresona. »Ĉu vi nun tuj ellitiĝos, vi senhonta maldiligentulo?«

Johano rapide ekmoviĝis tiam kaj eksaltis junule el la lito murmurante en trankviliga tono: »Jes, jam, karulino!«

»Nun rapide vestiĝu! mi havas urĝan komision por vi. Dume mi revarmigos vian kafon!«

Kun tiuj vortoj ŝi iris en la kuirejon ankoraŭ grumblante, dum Johano Nardo, vestante sin, meditis melankolie pri du strangaj demandoj: Kiel bela imageble estus la vivo de fraŭla, sendependa pensiulo kaj kial nekomprenebla fatalo ĝuste tiel aranĝis, ke finfine ankoraŭ plenumiĝis lia malnova amsopiro?

# ORDINARA MURDO

— KAREL ĈAPEK —

»Ofte mi pripensis«, diris poste sinjoro Hanák, »kial maljustaĵo ŝajnas al ni esti pli malbona ol kia ajn alia malbono, kiun oni povas sperti. Se ni ekzemple vidus, ke unusola homo estis senkulpe kondamnita al aresto, ĝi indignigas kaj ĉagrenas nin plie, ol se miloj da homoj vivas en mizero kaj doloro. Mi vidis tian mizeron, ke ĉia aresto kompare kun ĝi estas vera bonstato; kaj tamen la plej malbona mizero ne ofendas nin tiom, kiom maljustaĵo. Mi opinias, ke en ni enestas ia justeca instinkto; kaj ke kulpo kaj senkulpeco, juro kaj justo estas same elementaj, teruraj kaj profundaj sentoj kiel amo kaj malsato.

»Konsideru jenan aferon: Mi militservis kvar jarojn kiel multaj el vi; ni ne rakontos al ni reciproke, kion ni tie vidis, sed tion vi povas atesti, ke niaspeculo alkutimiĝis tie al diversaĵoj: ekzemple al kadavroj. Mi vidis centojn kaj centojn da mortaj junaj homoj, kaj kelkafoje tre aĉe mortaj, tion kredu; kaj mi konfesas, ke ili jam estis por mi tiel indiferentaj kiel malnovaj ĉifonoj, se ili nur ne fiodoris. Mi diradis al mi sole: homo, se ci el la brutaĉa tumulto eliros viva kaj sendifekta, nenio plu en la vivo kapablos cin kortuŝi.

»Proksimume duonjaron post la milito mi estis en mia hejmo, en Slatina; foje matene iu frapas mian fenestron kaj vokas: sinjoro Hanák, venu, rigardu, sinjorino Turková estas murdita! — Sciu, ke sinjorino Turková posedis malgrandetan paper- kaj fadenvendejon; neniam oni atentis pri ŝi, nur de temp' al tempo iu venis en la butiketon por aĉeti fadenbobenon aŭ kristnaskan bildokarton. El la butiko direktis vitra pordo al ia eta kuirejo, kie ŝi kutimis dormi; sur la pordo pendis kurtenetoj, kaj se en la butiko ektintis sonorilo, sinjorino Turková rigardis tra la kurtenetoj el la kuirejo por vidi la venanton, viŝis la manojn per sia antaŭtuko kaj enŝovis sin en la butikon. »Kion vi deziras?« diris ŝi nefideme; la aĉetanto sentis, ke li estas taksata kiel entrudulo, kaj li klopodis kiel eble plej rapide malaperi. Ĝi aspektis, kiel se vi levetas ŝtonegon, kaj jen en la malseketa kavaĵo kuras tien kaj reen izola kaj timigita skarabo; vi do ree metas la ŝtonegon ĝialoken, por ke la abomena skarabo trankviliĝu.

Aŭdinte do la novaĵon, mi kuris tien, verŝajne pro tute triviala scivolemo. Antaŭ la butiketo de sinjorino Turková svarmis homoj kvazaŭ abeloj apud enflugejo; sed la loka policano enlasis min, ĉar li ŝatis enflugejo; sed la loka policano enlasis min, ĉar li ŝatis min kiel klerulon. La sonorito ektintis en la silenton sonoro tiumomente preskaŭ froste tremigis; mi ekpensis, ke nun ĝi estas nekonvena. Sur sojlo de la kuirejo kuŝis sinjorino Turková, la vizaĝon altere, kaj sub ŝia kapo vidiĝis preskaŭ nigra sanglageto; sur la nuko la blankaj haroj estis sange kaj dubenigre kungluitaj. Kaj tiufoje mi subite eksentis, kion dum la militservo mi ne estis ekkoninta: teruron pro morta homo.

»Ĝi estas stranga, la militon mi preskaŭ jam forgesis; ankaŭ la homaro iom post iom forgesas ĝin, kaj eble tial devos iam refoje okazi nova milito. Sed la murditan maljunulinon, kiu entute por nenio taŭgis, la malgrandan butikistinon, kiu eĉ ilustritan poŝtkarton ne kapablis ĝuste vendi, tiun mi forgesos neniam. Murdito estas io alia ol mortulo; lin ĉirkaŭas ia terura mistero. Kredu, mi ne komprenis, kial estis murdita ĝuste sinjorino Turková, tia ordinara kaj griza persono, pri kiu neniu iam atentis; kiel estas eble, ke ŝi tie ĉi tiel patose kuŝas kaj ke super ŝi sin klinas ĝendarmo

---

ROBERTO: Ha, jen la »signifa formo« de Clive Bell.

JOHANO: Jes; ne interrompu. Nu... Jes, niaj emocioj, precipe la pli plezuraj el ili, estas efemeraj; ili velkas kaj malaperas, antaŭ ol ni komprenas ilin, preskaŭ antaŭ ol ni perceptas ilin. Sed la poeto kaptas ilin en sia reto, muldas ilin, kaj por la unua fojo donas al ili aranĝon kaj signifon; tiam, tiam, ili fariĝas al ni belaĵoj, klarhelaj, perlamotaj, el araneaĵo kaj lunlumo fabrikitaj. Ili estas tiam pli kapablaj, doni al ni feliĉon kaj estetikan ĝojon, ol estas la kruda, miksita, neanalizita emocio mem. La homo faris la emocion artefarita, tio estas, li stampis sur ĝin la personecon de belenergia individuo — kaj ni perceptas la belon nur tra la prismo de la personeco; pli ĝuste, tiu persona prismo estas la belo mem.

ROBERTO: La universo: personeco. Sed pli interesas min la interefikado de karaktero sur karakteron. Ni ŝanĝas ĉiu sian karakteron de tago al tago, de horo al horo; niaj humoroj estas eterne fluantaj kaj refluantaj maroj. Niaj amikoj efikas ĉe ni, havas konstantan influon; sed pli grandan influon havas niaj malamikoj. Tre prave diris Oscar Wilde, kaj iu alia antaŭ ol li, ke ni devas tre zorge elekti niajn malamikojn. Vi iam estis mia malamiko, kaj mi via; indaj, fidindaj malamikoj. Vian evoluon al tio, kio vi nun estas, vi ŝuldas al mi; aliflanke, mi ne povus fariĝi, kia mi estas, sen via pikado, kontraŭado, sen via iama malamikeco. Personeco ĉe personeco; grada, apenaŭ rimarkita interfluado konstanta. Kiom ni ŝuldas al ĝi! Sed ni ne plu estas malamikoj, kaj ankoraŭ ne estas amikoj; vi ŝlosas vin firme en via fera turo, vi timas la alproksimiĝon de aliaj. Tiel vi evitas doloron, sed ankaŭ vi maltrafas feliĉon; vi iam bedaŭros.

JOHANO: Jam nun mi bedaŭras.

ROBERTO: Mi devigis al vi rigardi vin, ekzameni viajn pensojn, emociojn, motivojn; aŭ pliĝuste, mi akcelis procedon jam komencitan. Defendante vin, vi pli fortikiĝis. Min vi kondukis al pli ĝustproporcia percepto de la mondo, vi donis al mi la okazon burĝoni. Sola vi iris sur la vojo al mondumeco, kaj poste kondukis min; vi donis la okazon, kiun mi menciis pli frue.

JOHANO: Ni ne estas amikoj, ĉar ni malsimile komprenas la amikecon. Cetere, mi nun timas vian amikecon. Kiam ni estis malamikoj, vi mem tion diris, mi defendis min, kaj fortiĝis. Vi malkaŝis miajn kulpojn, malfortecon, ŝtultaĵojn, kaj mi estis devigata forigi ilin, aŭ almenaŭ provi. Sed kiel amiko, vi malkaŝis miajn virtojn, vi aprezis mian personecon. Por forigi siajn malvirtojn, oni devas konscii ilin; por konservi siajn virtojn, oni devas ilin forgesi. Ĉe vi, mi riskas perdi ian virton, kian mi havas... Mi serĉas ekzemplon, sed diablo! mi ne trovas... Nu, jes, vi iam menciis mian plej grandan virton, kaj estus mortiginta ĝin; sed feliĉe, mi ŝanĝis la temon, vi ne plu parolis pri ĝi, kaj poste mi sukcesis meti la aferon el mia menso. Tiel mi sukcesis konservi ĝin, kaj eble ĝi ankoraŭ vivas. Sed sufiĉe da amikeco; ĝi sufokas la animon. Via kafo estas jam malvarma; tamen, trinku al la reciproka helpo de malamikoj!

ROBERTO: Al la malamikeco!

## *Maja kanteto*

**— Gustav Fröding —**

*Printempo ... Nun birdoj kantas pri nov',*
*l' esperon revekas jubiloj.*
*Mi ree en pordo — ho, milda blov' —*
*sed plore malklaras pupiloj.*

*Nun mondo ekfloras, nun ŝvebas somer'*
*sur kampoj kiel verda lum-ondo.*
*Ho, bela la mondo, mia la ter',*
*kaj mi estas filo de l' mondo.*

*Kaj roze brilas la nub' de l' maten',*
*kaj noktaj nebuloj sin levas.*
*La mondo nun junas pro nova ben' —*
*singulti pro ploro mi devas.*

*Ĉar venas tagiĝo tro klare al mi,*
*tro freŝas pro roso petalo,*
*tro hele vi brilas, blindiga radi':*
*tro ĵus mi en ombra mortvalo.*

El la sveda: *Magda Carlsson*

---

kaj ke ekstere sin prempuŝas tiom da homoj, por ekvidi almenaŭ peceton de sinjorino Turková. Por tiel diri, la malfeliĉa virino neniam estis objekto de tiel ega intereso kiel nun, kiam ŝi kuŝis antaŭ ni, la vizaĝon en nigra sango. Ŝajnis, ke ŝi subite akiris strangan kaj timigan signifon. Neniam antaŭe mi rimarkis, kiel ŝi estas vestita kaj kiel ŝi fakte aspektas; sed nun kvazaŭ mi rigardus ŝin tra lenso ege kaj monstre pligrandiganta. Sur unu piedo ŝi havis feltan pantoflon; la alia pantoflo deŝoviĝis kaj videbla estis ŝtrumpo surkalkane flikita — mi vidis ĉiun steberon, kaj ĝi ŝajnis al mi esti iel terura, kiel se eĉ la mizera ŝtrumpo estus murdita. Unu mano ŝajne engratis la ungojn en la plankon; ĝi aspektis tiel malgrasa kaj senpova kiel birda piedeto; sed plej terura estis la malgranda griza harligaĵo sur la nuko de la murdita virino, ĉar ĝi estis tiel zorgeme plektita kaj briletis inter la strioj de sanga koagulaĵo kiel malnova stano. Mia impreso estis, ke neniam io min afliktis pli multe ol tiu makulita harligeto virina. Unu sangostrio sekiĝis malantaŭ la orelo; super ĝi brilis arĝenta orelringo kun blua gemeto. Mi ne povis min plu regi, miaj kruroj tremis. Jesuo Kristo, diris mi.

»La ĝendarmo, kiu en la kuirejo serĉis ion surtere, sin rektigis kaj rigardis min; li estis pala, kvazaŭ svenonta.

»Homo, balbutis mi, ĉu vi militservis?

»Jes, raŭke respondis la ĝendarmo. Sed tio ĉi — tio ĉi estas io alia. Rigardu, aldiris li subite kaj montre gestis al la kurtenetoj sur la pordo; ili estis ĉifitaj kaj makulitaj; evidente la murdinto per ili viŝis siajn manojn. Sankta Dio, elspiris mi; mi ne scias, kio estis tiel netolereble terura — ĉu la imago pri manoj gluecaj de sango, aŭ ĉu tio, ke eĉ la kurtenoj, la tiel puraj kurtenetoj fariĝis viktimo de krimo — Mi do ne scias; sed en tiu momento en la kuirejo ekpepis kanario kaj komencis longan trilkanton. Aŭskultu, tion mi ne eltenis plu, pro teruro mi forkuris el la butiko — sendube mi estis pli pala ol la ĝendarmo.

»Poste mi sidis en nia korto sur timono de garbveturilo kaj klopodis alcentrigi la pensojn. Ci idioto, parolis mi al mi mem, ci timegulo, ĝi estas ja ordinara murdo! Ĉu ci do ankoraŭ ne vidis sangon? Ĉu ci ne estis ĉirkaŭgluita per cia propra sango kiel porko per koto? Ĉu ci ne kriis al ciaj soldatoj, ke ili pli rapide fosu kavon por cent tridek kadavroj? Cent tridek kadavroj, unu apud la alia, tio estas jam rimarkinda vico, eĉ se oni ordigas ilin kiel ŝindojn — Laŭlonge de tiu vico ci promenis, fumis cigaredojn kaj alblekis la soldataron: do rapidu, rapidu, por ke tio ĉi malaperu jam! Ĉu ci ne vidis tiom da mortuloj, tiom da mortuloj.

Jes, jen ja la solvo, diris mi al mi, mi vidis tiom da mortuloj, sed ne vidis unu solan Mortulon; mi ne genufleksis apud li por rigardi lian vizaĝon kaj tuŝi lian vangon kaj tuŝi liajn harojn. Mortulo estas terure silenta; ci devas esti sola kun li... kaj eĉ ne spiri... por kompreni lin. Ĉiu unuopa el la cent tridek penus diri al ci: Sinjor' leŭtenanto, oni mortigis min; rigardu miajn manojn, ili estas ja manoj de homo! — Sed ni ĉiuj forturnis nin de la mortuloj; kiam ni devis fari militon, ni ne povis aŭskulti mortigitojn. Pro Dio, estus ja necese, ke ĉirkaŭ ĉiu mortigito svarmu homoj kiel abeloj apud la enflugejo — viroj, virinoj kaj infanoj — por ke ili timtremante vidu almenaŭ peceton de li: almenaŭ la piedon en la ŝuaĉo aŭ la makulitajn harojn. — Tiam ĝi eble ne devus okazi; tiam ĝi eĉ ne povus okazi.

»Kaj mi enterigis mian panjon; ŝi aspektis tiom solene, tiom kontente kaj digne en la bela ĉerko. Stranga ŝi estis, sed ne terura. Sed tio ĉi, tio ĉi estas io alia ol morto; murdito ne estas morta; murdito akuzas, kvazaŭ li kriegus pro ekstrema kaj netolerebla doloro. Ni tion scias, mi kaj la ĝendarmo; ni scias, ke tra la butiketo vagis fantomo. Kaj mia menso lumiĝis. Mi ne scias, eble ni ne havas animon; sed enestas en ni senmortaĵoj, ekzemple instinkto pri justeco. Mi estas neniom pli bona ol kiu ajn alia viro; sed en mi ekzistas io, kio apartenas ne sole al mi — certa supozo pri ia severa kaj grandioza ordo. Mi scias, ke mi tion diras neĝuste; sed en tiu momento mi sciis, kio estas krimo kaj kio estas ofendo de Dio. Sciu kaj komprenu: murdita homo estas kvazaŭ malhonorita kaj detruita templo.«

*

»Nu«, ekparolis sinjoro Dobeŝ, »kaj ĉu oni kaptis la murdinton de tiu virinaĉo?«

»Jes«, daŭrigis sinjoro Hanák. »Kaj mi mem vidis lin, kiam du tagojn poste ĝendarmoj kondukis lin el la butiketo, kie ili estis lin tieldire ekzamenintaj sur la loko de l' ago. Mi vidis lin eble nur dum kvin sekundoj, sed ree kvazaŭ sub monstre pligrandiganta lenso. Li estis juna knabego, liaj manoj estis katenitaj, kaj tiel strange li rapidis, ke la ĝendarmoj apenaŭ povis egalmarŝi kun li. Lia nazo ŝvitis, kaj la larĝe malfermitaj okuloj tiom timeme palpebrumis. — Estis videble, ke li estas terure senkuraĝa, kiel kuniklo dum vivsekcado. Lian mienon mi neniam forgesos. Post tiu renkonto mi sentis ĉagrenon kaj naŭzon. Nun oni lin juĝos, pensis mi, kaj post kelkmonataj formalaĵoj oni kondamnos lin al morto. Lastfine mi konsciis, ke fakte mi lin bedaŭras kaj ke mi eĉ preskaŭ kvietiĝus, se li sukcesus sin iel forsavi. Ne opiniu, ke lia vizaĝo estis simpatia, verdire ja tute male; sed mi vidis lin de tro proksime — mi vidis, kiel korpremate li palpebrumas — Mil diabloj, mi ne estas trosentemulo, sed de tiel proksime li ne estis murdinto, li simple estis homo. Aŭskultu, mi mem ne komprenas tion: mi ne scias, kion mi farus, se mi estus lia juĝanto; sed post ĉio ĉi mi sentis min tiel malgaja, kiel se mi mem bezonus savon.«

El la ĉeĥa: *Miloŝ Lukáŝ.*

# HORAĈO SERĈER REZIGNAS

— GEORGO VERDA —

En teda pluva vespero aŭtuna, kiam la homo plej volonte kaŝas sin for de la mondo kaj sola en sia ĉambro restas kun siaj pensoj kaj filozofia meditado, aŭdiĝis subite sur la pordo de mia »alte situanta« loĝejo (sur la kvara etaĝo) nerveca frapado. Kiun Dio venigas en tiu diabla vetero? mi ekpensis, kaj malferminte la pordon, mi konsterniĝis: antaŭ mi staris Horaĉo Serĉer; ĝisoste malseka de l' pluvo. De lia vesto fluis torentoj, kaj lia vizaĝo havis doloran, kompatindan mienon. Enirinte en la ĉambron, li devis demeti ne nur la mantelon kaj jaketon, sed ankaŭ siajn ŝuojn... Nur kiam li estis vestinta mian varman ĉambrojakon kaj molajn pantoflojn, li iom post iom kvietiĝis. Mi regalis al li teon kaj »kio do okazis, Serĉer?« mi demandis.

Serĉer glutis kelkajn gutojn da teo, ŝmacis per la lipoj, kaj silentis.

— Verŝajne estas io tre grava, kio venigis vin, se vi ne hezitis eliri el loĝejo en tiu senkompata pluvego, — mi diris, dezirante el lia mieno diveni la respondon.

— La afero estas kaj grava kaj malgrava, dependas ja por kiu. Almenaŭ por mi ĝi estas abomena, ĉiukaze. Tion mi ne povas plu toleri. Mi rezignas! Ĉu vi aŭdas: mi rezignas!

— Sed pri kio vi rezignas, Serĉer? Ĝuste nun, en tiu-ĉi-malbenita vespero, vi volas rezigni?! Pri kio?

Horaĉo Serĉer komencis nervoze frapi per la fingroj sur la tablo. Li sulkigis la frunton kvazaŭ li meditus pri io ege grava, kaj post momento li diris:

— Pri UEA, aŭ pli vere pri ĝia komitato. Mi venis por diri al vi, ke mi rezignas. Mi ne konsentas esti en la komitato de UEA, mi ne permesos taŭzi mian nomon kun tiuj de la eminentuloj. Por nenia prezo mi konsentos, ĉu vi aŭdas: por nenia prezo!

Li haltis por kapti aeron. Li malfacile spiris, kaj ŝmacis per la lipoj. Li denove glutis kelkajn gutojn da teo, kaj daŭrigis:

— Tiu ĉi aferaĉo rabas mian trankvilecon. Tage ĝi ne lasas min labori kaj manĝi, kaj nokte mi ne povas dormi. Persekutas min teruraj, inkubaj sonĝoj. Lastan nokton mi vidis ion koŝmaran: mi sonĝis, ke oni min elektis en la komitaton de UEA. Mi venas en ĝian oficejon. Tricent personoj sidas tie super dikegaj libroj, kun kalkuliloj en la manoj kaj kalkulas, kalkulas senĉese. Kion vi do kalkulas tiel absorbite? mi demandas. »Mankas al ni nur kelkcento ĝis la dekmilo« — klarigas al mi la direktoro. »Mi ne komprenas — mi diras — kion signifas tiu mistera manko de kelkcent ĝis dekmil? Ĉu temas pri frankoj?«

— Ne pri frankoj temas — diras la direktoro — temas pri membroj. Ni ne povas atingi la dekmilon, ĉiam kelkcent mankas.

— Ĉu do pro tio valoras fari tian bruon? — mi plue demandas — ni nur ne malesperu, nek ekscitiĝu. En la nuna mizera tempo ni kontentiĝu per naŭmil kvincent. La krizo...

— Jen, ĝuste. La krizo — interrompis la direktoro — La krizo kulpas pri ĉio. Ĉiu mankanta membro kostas al ni multegon. Elmontriĝas ja, ke ne nur la membroj mankas, sed ankaŭ la mono.

— Mankas mono? — mi miras — ŝajnas, ke de la pli ol naŭmil membroj ni ja sufiĉe enkasigas ĉiujare.

— Certe. Sed kion ni enkasigas, ni tre sukcese elspezas.

— Do oni devas ŝpari — mi sugestas.

— Ho, sinjoro komitatano — aplombe diras la direktoro — UEA estas ja la vera akademio de ŝparado. Ĉu vi kredus, ke Hector Hodler ŝparis pli ol cent mil frankojn? Li devus esti modelo por ĉiuj aliaj anoj de UEA. Kaj fakte ni ĉiuj lernis ja de li la arton ŝpari. Ni simple fariĝis avaruloj. Kiom, ekzemple, ni ŝparas, pagante neniam honorarion al niaj delegitoj? Aŭ kiom ŝparigas al ni la eldonado de nia gazeto ĉiumonate, anstataŭ ĉiusemajne? Nur dank! al tio, ke ni ne bezonas noktan redaktoron, ni ŝparas jare minimume 7000 frankojn! Ho, se mi volus nomi la sennombrajn aferojn kaj laborojn, kiujn ni *ne* faras, vi mem konsentus, ke ni ŝparas milionojn, milionojn ĉiujare!

— Do estas tamen ja bone.

— Tamen ne. Ĉar la aferoj, kiujn ni *jes* faras, degeligas la enspezojn eĉ supernombre. Ĉe ni regas eternaj frostoj kaj la mono senĉese degelas. Ve! ni dronas en la akvo!

Kaj subite ni ĉiuj troviĝis en la akvo. La mebloj de nia oficejo komencis naĝi — kaj, Dio scias, kio estus kun mi okazinta, se mi ne estus... vekiĝinta kun ŝvitanta frunto. Jes, mi saviĝis, sed pri la sorto de la ceteraj malfeliĉuloj mi nenion ja plu scias. Eble ili dronis.

Serĉer ĉesis paroli kaj komencis spiregi. Tiu ĉi vere inkuba sonĝo impresis lin terure. Mi komencis lin konsoli:

---

## DU POEMOJ

— Alfred Kuzniec —

### „Notturno"

*Nokto. Turmenta mallaŭto. Grava silento.*
*Folioj rigidaj. De l'amo kaj sopiro*
*Spirito ŝvebas, kvazaŭ nesentebla vento*

*Nokto. Bluarĝenta lumo. Sufoka aero.*
*Arboj embuskiĝis. Ombroj-kadavroj,*
*Vastegan tombejon ektrovis sur la tero*

*Nokto. Nigra mistero. Trankvilo perfida.*
*Regado de la morto. Strangolas kaj murdas,*
*En mallumo kaŝita, fantomo insida..*

### „Impromtu"

*Sur rusta tegmento kun fingroj-antenoj,*
*Rampas suno vakcinikolora.*
*Velkas ftiza ĝardeno senflora,*
*Mortanta senplende, pro urbaj venenoj.*

*Larĝa voj' en polvo malpure volvita,*
*Fore kurante, fajre spiregas.*
*Teron, per mola brakumo tegas*
*Helblua ĉiel', unutone pentrita.*

*Fostoj solecaj, gardantoj de la strato,*
*Dratojn ardantajn forĵeti penas.*
*Laca ĉeval' survoje sin trenas.*
*Oscendas kuŝema, tiranta sin kato...*

# PRINTEMPO FURIOZAS

## (OCUJA KOROSI)

### — JUN'IĈIRO TANIZAKI —

La tiamaniere akirita sako de kvincent »rjo«-oj rapide perdis sian pezon en senzorgaj kaj sinsekvaj orgioj, kaj tute elĉerpiĝis ĝis la fino de la sama jaro. Ilia malbenita amo daŭris ĝuste unu plenan jaron.

»Mi vere deziras, ke io bonega venu al ni renkonte, alie ni havos tre malgajan Novjaron.«

Ili ofte murmuris inter si kun tia plendo pri sia sorto, kiu tiris ilin pli kaj pli malalten. Tamen aperis nenio, kiu alportus al ili ĝojon aŭ feliĉon. Estis nur unu vojo imagebla, kaj Cuja sekvis ĝin kun venĝemo; ŝi plej pene laboris por trompi la virojn, kiuj respondis al ŝia sirena alvoko, kaj al ili ŝi estis senkompate tre rigora.

La amo de Ŝinsuke al ŝi fariĝis pli intensa laŭ lia plua malmoraliĝo. Kaj ŝia klarigo, ke ŝi iras »por montrompi la virojn«, konsolis lin ĉiufoje; sed, kelkfoje en la nokto, kiam ŝi revenis hejmen tre malfrue, li diris ironiajn vortojn vualitajn per malfido kaj ĵaluzo.

»Kion fari kun mia infano? Ĉu vi ne vidas, kiel profunde mi vin amas? Ja ne povas esti, ke mi pensas pri alia viro. Se tro zorgas vi tiamaniere, mi fine devos adiaŭkisi la profesion.« Kaj ĉiam ŝi ridis indiferente, kvazaŭ lia zorgo ne meritus eĉ ŝian atenton.

Tamen, ŝia malfrua hejmenveno progresis plue; kelkfoje ŝi ne revenis ĝis la mateno, lasante lin maldormi la tutan nokton. En tia okazo li ne povis silenti pro suspekto, sed ŝi restis same trankvila, neniom embarasita.

»Sciu, ke ni gejŝoj havas multajn sekretojn, kaj ni devas esti saĝaj, se ni volas ion fari al la viroj. Tiom pli, se ni volas profiti de ili; — Kelkfoje ni devas nin ŝajnigi tro ebriaj por aŭskulti ilin, aŭ por servi ilia plezuro, kaj krome, ni devas esti ankoraŭ kapablaj ne lasi la virojn transpaŝi la lastan punkton. Sen tia kapablo, ni tute ne povas elpremi monon.«

Tiel ŝi diris iam por persiste pledi por sia fideleco al li kaj la ĉasteco de sia konduto. Kvankam malmoraliĝinta, tamen denaske nesuspektema kaj purkora, Ŝinsuke ankoraŭ preskaŭ neniom konis la internan vivon de gejŝoj. Kion li sciis pri la gejŝoj kaj ilia vivo, tion li ŝuldis nur al Cuja sola. Ĉiun okazan atakon de ĵaluzo, do, li ĉiam venkis kontentigite de ŝia trankvileco.

Nun ŝajnis, ke Cuja tranoktis pli ofte eksterhejme. Precipe strange, kiam ŝi revenis hejmen post tia foresto, kutime ŝi estis tute preta por rakonti longan historion pri la nokto, irante en la plej detalan klarigon, kiel ŝi neniam antaŭe faris, kaj dume ŝiaj movoj en ĉiu momento perfidis, ke ŝi ŝajnigas la kortrankvilon. La suspektemaj homoj povis pensi, ke ĉio ĉi estis kondukto de tiu, kiu havas en si preskaŭ neregeblle tre grandan feliĉon.

En iu nokto ŝi hejmenvenis terure ebria, sin apogante al la ŝultro de gasto, kiu ŝin eskortis ĝis ŝia domo.

»Ŝin-san, tio ĉi estas la sinjoro, kiu estas tre bona al mi, la plej bona favoranto, kiun mi havas nuntempe. Li tute ne estas por vi fremdulo. Nu, venu kaj repaciĝu kun li, — kaj danku kore por mi!«

En ŝia parolo, kvankam ne forte, sin trenis malica tono. La viro, prezentita kiel ŝia favoranto, estis la sama Serizaŭa, la oficiro, kiu iam furioze batalis kun la mortinta Tokubei. Kiel jam en tiu nokto io impresis Ŝinsuke-n ĉe la ekvido, la nun vid-al-vide rigardata oficiro estis sama homo vestita dece al sia honorata klaso, — kun belaj trajtoj kaj linioj de rafinita delikateco, — kun digno deviganta la aliajn lin respekti. »Do, tio ĉi povus esti la viro —« pensis Ŝinsuke tiam intuicie.

»Ŝinsuke, mi salutas vin kaj deziras, ke vi forsendu la memoron de tiu nokto en la riveron de forgeso, kaj ni estu intimaj amikoj. Estu bonvena gasto ĉe mia kampara vilao en Teraŝima-mura, kaj akceptu mian inviton, kiam vi estos libera.«

Kaj la maldikaj, sagacaj lipoj de Serizaŭa kurbiĝis en facilan rideton de bonvolo. Ankaŭ li estis ŝajne tre ebria.

Dum la flamoj de ĵaluza kolero konsumadis lin, Ŝinsuke pensis, ke li devas sin reteni kaj silenti, ĝis li trovos konvinkajn pruvojn. Senpripensa atako nur donos al ŝi okazon argumenti. Li do decidis kapti ŝin ĉe l' freŝa faro. Post senĉesa penado dum unu monato, — sekrete sekvinte ŝiajn movojn ĉiunokte, — kolektinte famojn ĉe restoracioj tra la subaĉetitaj gejŝoj dungataj ĉe Cuta-ja, — Ŝinsuke fine povis certigi al si, ke li ne tre eraris en sia unua konjekto. Tamen, ĉio, kion li akiris, estis nenio pli ol nerekta informo, kiu ne portis lin eĉ unu paŝon plue de la ekirejo; li nur vane penis kapti la okazon, kian li deziris. Cuja, tre certa pri lia personeco kaj bonkoreco, neniam malsukcesis, reveninte de vizitoj, kovri la veron ĉiufoje per belaj konfidencoj, elokventa lango kaj diversaj memoroj pri homoj kaj lokoj, kiujn ŝi renkontis. Ŝi senzorge jen parolis pri tiu

---

— Nu, feliĉe, vi ne estas ja komitatano de UEA, kaj tio estis ja nur sonĝo, pro kiu ne valoras eĉ tiom afliktiĝi.

— Sed mi povas ja iun belan tagon fariĝi komitatano! — li subite indigne ekkriis — pri tio ja temas, ke mi povas fariĝi komitatano! Kiu povas garantii al mi, ke oni ne elektos min!? Kion mi, malfeliĉa, faros tiam? Al kiu mi turnos min tiam (li komencis ploreti), ke oni helpu min, ke oni defendu min?

Kaj subite okazis io tre terura, kio frostigis la sangon en miaj vejnoj. Horaĉo salte leviĝis, furioze eksvingis la manojn rompante la teglason kiu staris sur la tablo, kaj kaptante min je la vesto, li komencis spasme krii:

— Mi rezignas! Mi rezignas! Mi rezignas!! Mi havas edzinon kaj infanojn kaj por ili mi devas vivi! Iru kaj diru al tiuj sinjoroj, ke mi ne volas esti elektita! Mi estas juna ankoraŭ — mi volas vivi! Mi ne volas ŝpari, mi ne volas avari! Mi nenion volas fari!.. Mi ne volas droni!..

Svene li falsidiĝis sur la seĝon kaj malsuprenlasis la kapon. Angora silento ekregis en la ĉambro. Post tiu tre ekscita okazintaĵo Horaĉo dormis kiel zizelo.

Kompatinda Horaĉo Serĉer! Li tiom multe kortuŝiĝis pri la »degelitoj« de UEA, ke li timos, timegas esti — Dio gardu — elektita en ties komitaton. Tiu malfeliĉo povas ja veni tute neatendite. Iu senpripense proponus lian nomon, sufiĉe faman por esti poste priklaĉata, kelkaj aplaŭdas ĝin — kaj la katastrofo estas preta. Horaĉo Serĉer estas homo kun karaktero. Li preferas klaĉi pri aliaj. Tial ne faru al li la honoron de komitatano. Horaĉo Serĉer pri tiu honoro grandamime kaj heroe rezignas!

sinjoro kaj ĉi tiu gasto, jen klariĝis pri iu restoracio kaj alia; sed la tempon ŝi vere pasigis nur kun Serizaŭa. Kiam Ŝinsuke komencis ekkoni ĉi tiun preskaŭ mokan afektemon de la virino, li ne povis plu elporti la situacion. La trian tagon de la Novjaro, vespere, malgraŭ tiuj necertaj pruvoj, akiritaj kiel rezulto de sia esplorado, li fine ekpafis al ŝi la sagon de akra riproĉo.

»Do, mi diros prefere ĉion. Al mi ŝajnas, ke vi fariĝis iom vidpova, kvankam eble vi ne rimarkas tion; — vi vere ne travivis la tutan tempon kun mi sen rikolto . . .«

Je lia miro, ŝi ne provis nei liajn vortojn, sed eĉ rigardis lin malvarme kaj daŭrigis moktone:

»Estas fakte, ke mi vendis min al Serizaŭa, se vi volas diri tiamaniere. Sed, Ŝin-san, se vi deziras havi geĵŝon kiel amatinon, vi ja devas esti iom pli saĝa, kaj ne agi ridinde. Mi povas esti tre talenta kiel multaj aliaj; sed vi ne povas esperi de mi, — nek de iu alia, — la kapablon elpremi monon nur per dono de simplaj dolĉaĵoj el la buŝo. Eĉ se mi ne diris ĉion rekte kaj malkaŝe, vi ja devis vidi tute egale, kio statas kiel. Kaj se vi scias, ke mi faras ĉion ne por alia, — sed por vi, — nur por la komforto kaj plezuro de via vivo, — vi ja devas diri ion pli dolĉan. Al vi estas dece teni la okulojn kaj buŝon fermitaj. — Tamen ni venis ĝis ĉi tio, do, mi malfermos viajn okulojn kvankam malfrue. Estis iam tempo, kiam mi donis min ne nur al Tokubei, sed ankaŭ al Seiĵi. Se vi ne sciis tion, tio ne signifas vian saĝecon.«

Insultite Ŝinsuke ekflamis de indigno. Se tio estus rompo de kredo, aŭ de ŝia korpa ĉasteco, li estus povinta toleri iamaniere. Tamen, en ĉiu vorto, en ĉiu frazo el ŝia buŝo, ne troviĝis plu eĉ signo de sincereco. Ŝia vera intenco, tre verŝajne, estis lin peli en pasiflamon kaj unu fojon enbatinte kojnon inter ilin, turni la dorson al li kaj iri sian vojon.

»Tio ne signifas mian saĝecon, kaj vi pravas! Mi neniam pensis, — eĉ momenton ne pensis, ke via koro putras tiel ege. Nun ricevu la pagon por via trompo ĝisnuna!«

Subite li kaptis ŝian kolumon malantaŭ la kapo, premis ŝin sub sia genuo. Lia mano flugis al vestopendigilo apude kuŝanta; la batoj estis sennombraj kaj lokon ne elektis.

Donante punbatojn li, kiel infano forlasita de siaj gepatroj, jen eksentis, ke soleca malgajo leviĝanta plenigas lian koron. Ke lia riproĉo de tiu ĉi nokto venis al ĉi tio, — al tiu ĉi mizera sekvo, estis tute ekster lia penso, — kian li neniam antaŭe imagis eĉ en songo. Kie li esperis ŝin kapti neatendite, tie li trovis sin jam embuskata de la virino, kiu estis sin preparinta multe pli ol li mem. Kio al li okazos, se ŝi nun forlasos lin? — sed en la nuna momento, lia koro estis tro tordita por pensi pri tio.

»Batu! — batu min, se vi volas! Mi amas lin, sinjoron Serizaŭa, — certe kiel vi supozis! Jam de longe vi ne loĝas en mia koro, mallertulo!«

Tio ĉi estis vortoj, por kiuj li estis jam preparita, tamen, aŭdinte ilin en tiel maltima kaj malkaŝa maniero, li momenton kuntiriĝis kaj nevole malstreĉis la pugnon tenantan la pendigilon. Jam nun helpas nenio; — tiu ĉi penso ŝiris lian koron, kaj lin atakis neelporteble, mizera forlasiteco.

»Mi bedaŭras pro ĉio, kion mi diris. Mi eraris! Neniam denove mi vin ĝenos per miaj malsaĝaj pensoj; do pardonu min, kaj ridetu por mi! Pensu pri mi — pri ni, mi petas, kaj amu min kiel antaŭe!«

Denove kaj denove tion Ŝinsuke ripetis, surgenuante antaŭ ŝi kaj klinante la kapon malalten. La respondo al li donita de ŝi por tio estis unu kaj neŝanĝebla:

»Mi devas esti singarda pri mi mem; donu al mi du-tri tagojn por pensi bone, antaŭ ol mi decidos, kion al vi diri.«

La murdo konata kiel »La Mortigo al Ocuja« okazis du-tri tagojn post tio. Virino ĝenerale korfortika kaj maltime kuraĝa, tamen Cuja ŝajnis tre timi la plej malbonon, kiun Ŝinsuke kuraĝos fari finfine. Ŝi do faris ĉian preparon sekrete; la trian tagon malfrue en la nokto, ŝi ĉeestis festenon ĉe restoracio, kaj de tie malaperis. Jam de antaŭe Ŝinsuke atente observis ŝiajn movojn, kaj kiam li eksciis ŝian malaperon informite de la geĵŝa oficejo, tuj li rapidis al Mukooĵima.

Sur la riverbordo de Mukooĵima, apud la pordego de la sanktejo Mimeguri-Jinŝa, li fine atingis palankenon kaj el ĝi eltiris la virinon. Cuja detenis lian manon kaj kun preĝa gesto diris:

»Pro via kompatemo, Ŝin-san, antaŭ ol min mortigi, nur unu fojon lasu min vidi sinjoron Serizaŭa!«

Forkurante tien kaj reen por eviti la teruran baton de lia glavo, ĉiam ŝi kriis pro helpo. Kaj en la krio, ripete kaj ripete ŝi vokis la nomon de sia nova amato Serizaŭa, — eĉ ĝis sia fino. *(Fino.)*

## *La lago*

**— Hendrik Adamson —**

*Vi estas blua lag' dum vesperiĝo,*
*kaj ora lag', se ridas plena lun',*
*vin ŝtormo igas nigra kiel peĉo,*
*nebulo vin griziĝas dum aŭtun'.*

*Vi, roza lag', dum brilas la aŭroro,*
*vi, sanga lago dum la sun-subir',*
*vi, lakta lago en lumplena horo,*
*vi, kupra sub la nub' en vento-spir'.*

*Mortinta lago en somersiesto,*
*dum sinbanantoj kuŝas apud vi;*
*mortiga lag' — ĝis ost' en nokt-tempesto*
*el ŝip' dronanta tranĉas helpo-kri'.*

*Vi, gaja lag' dum ban' de gejunuloj,*
*rid-lago, plena de ĝojad', kriad',*
*mister' susuras ĉie ĉe l' anguloj*
*de l' arbustar': kaŝejo de driad'.*

*Mi vidis sangon iam sur glacio*
*kaj kapojn frakasitajn en la tru'...*
*Nun mi malamas vin kaj fremdas ĉio*
*de vi plaŭdita en la venta bru':*
*neniam ni reamikiĝos plu.*

# La nederlanda literaturo

— Joh. Hartog* —

Tuta revolucio en la nederlanda literaturo estas la t. n. Movado de Okdek (t. e. 1880). Supre mi jam parolis pri la revolucia verkado de Multatuli; krome la instruo de l' evolucio, kaj eksterlandaj faktoroj precipe (Shelley, Keats) subtenis la tute novan direkton, kiu komence estas praktikata nur de junaj homoj, kiel la plimultaj novaj movadoj. *Vilhelmo Kloos* (1859) jam dum la jaroj de sia edukado en Meza Lernejo ekkaptis originalan, memstaran ideon pri literaturo. La origina kaŭzo estis la malpermeso de la supre nomita revuo Gvido (Gids) akcepti la poemon *Iriso* de la juna *Jakobo Perk* en 1879. Oni nun komencas klopodi por havi propran public-eblecon kaj en 1885 oni fondas la t. n. *Novan Gvidon* (Nieuwe Gids) sub redaktado de Kloos k. a. Ili malestimis la ĝistiaman manieron de kritikado kaj per akraj polemikoj la junaj »okdek-uloj«, kiel ili estas nomataj, forjetis la jugon. Poiom ilia influo kreskis kaj nia tuta nuna literaturo ankoraŭ nun portas la fruktojn el tiu movado rilate al la maniero de art-taksado. »La arto devas reflekti pecon da vivo, reale, sed pli riĉe kaj pli intense pro la sento de l' artisto«. La arto do fariĝas io tute memstara, ne nur (kiel ĝis tiam) tempopasigo. La artisto povas nun elekti ĉion ajn, se ĝi nur estas »peco da vivo«. Oni ekpostulas originalecon de la poeto, grandan senton kaj emocion. La poezio do sekve devas fariĝi ĉefe lirika, eĉ de l' plej individua speco.

Kompreneble la malnova generacio absolute malakceptis tion; eĉ kelkaj pli junaj aŭtoroj ne povis ĝin akcepti, dirante, ke socia arto estas la plej alta.

Cetere ankaŭ inter la okdek-uloj ne regis kompleta harmonio. Ni vidas, ke unu post la alia foriras el la movado. Tamen la celo estis atingita: adorado de l' belo.

Ni prividu kelkajn el la plej gravaj poetoj el tiu nova movado. Jam supre ni renkontis *Jakobon Perk* (1859—1881). Dum sia nur 21-jara vivo li ne multon verkis kompreneble, sed tamen ni povas lin rigardi la heroldo de l' nova tempo, kiu precipe per siaj sonetoj - formo de poezio dum jardekoj malzorgata en nia lando, — ree donis veran poezion el la koro en plej ligita formo. Ili distingas sin per muzika sonigo kaj filozofia pensado. Senlime li adoris la belon, kio estas tuj videbla en lia jam nomita »Iriso«, verkita sub tuj rimarkebla influo de »The Cloud« fare de Shelley, angla poeto.

Grandega estas la influo de Perk je liaj samtempanoj, ni vidas ja, ke post li multaj poetoj ree ekuzas la sonetan formon kaj same ekpentras la naturan belon en harmonia sonriĉo.

Lia amiko Kloos estas ankoraŭ nun redaktoro de l' revuo Gvido, kvankam tiu revuo per si mem ne plu unuigas ĉirkaŭ si la »aristokration« de l' poetoj. Dum sia junaĝo Kloos montris sin aŭtoro de forta, enorma prozo de tre granda profundo kaj plastiko. En la objekto tamen li diferencas de Perk per tio, ke Kloos precipe »rigardas en sin mem« kaj el tie skribas, kiel Dio super ĉio. Li komencis jam frue per siaj t. n. »*Internaj Pensoj*«, kaj kvankam inter la pli fruaj troviĝas kelkaj perloj, ili jam nun (li ja ankoraŭ ĉiam publicadas ilin) tute dronis en vortoj. Lia granda fonto estas la pasio kaj oni facile komprenos, ke ĉe l' plimultigo de jaroj, tiu fonto iom post iom sekiĝas. La signifo de Kloos datas de antaŭ 1900.

Multe pli harmonia figuro estas tiu de *Alberto Verwey* (*1865; *pr.:* v: rwej) kiu jam eldonis sonetojn je 17-jara aĝo. Li admiras, samkiel la aliaj, la anglan romantikon. Precipe la sfero ĉe li estas tre grava, almenaŭ dum la unua tempo, ĉar silentinte plurajn jarojn, li subite ree ekverkis, kiel tute alia homo. Veninte per la belo al la vivo, li deziris nun veni per la vivo al pli granda belo, kiu estas la arto, donanta kunfandiĝon de naturo kaj emocio en pli altan unuon. Nun li komencas eldoni multajn verkojn; preskaŭ ĉiun jaron ni ricevas unu, kun nur kelkaj interrompoj. Malgraŭ tio, li ne fariĝis populara, verŝajne pro tro granda filozofia enhavo. Ankaŭ en la tradukado Verwey sin montris talentulo. Ni posedas de li tradukon de la Komedio de Dante tute laŭ la rimskemo de l' originalo, sendube la plej bela traduko en nia lingvo. Kaj ĝuste nun, antaŭ kelkaj monatoj aperis el lia plumo traduko de la sonetoj de Shakespeare, vera majstraĵo.

Pri *Frederiko van Eeden* mi jam pli frue skribis en

* La antaŭajn partojn de la artikolo vidu en la IV. kaj V. numeroj ĉi-jaraj .



Velazquez: *La ŝpinistinoj.*

Literatura Mondo (1) kaj sekve mi povas esti konciza pri li. Li ne estas tia individualisto, kiel la aliaj, ateste de kio mi mencias lian eksperimenton de komunista kolonio kaj lian postan transiron en la Katolikan Eklezion, certe la plej malmulte individua eklezio de la mondo. Tamen, pro sia admiro al la angla romantiko, li certe apartenas al la frua tempo de la Movado de Okdek. Lia ĉefverko, La Malgranda Johano, aperis ankaŭ en Esperanto (2) kaj rakontas en fabela formo la animan disvolviĝon de knabo.

La plej akra kritikisto el la tuta movado certe estis Ludoviko van Deyssel (* 1864; pr.: dejs: l), aŭtoro de kelkaj naturalistaj romanoj. El lia kritikista kariero la unua tempo estis tute lirika kaj donis lian personan impreson; poste li multe pli profundiĝis kaj sin turnas al pli mistika arto.

La lasta estas — se mi limigas min al ĉi tiuj — *Hermano Gorter* (1864—1927; *pr.:* hórt:r). Tamen oni ankaŭ povas rigardi lin pli memstara aŭtoro, unualoke pro lia kritiko kontraŭ la Movado de Okdek. Plej konata li estas pro sia grandioza epopeo *Majo* (Mei) el 1889, per kiu li antaŭmetis la pereeman belon al eterna animo. Ĉi tiun dualismon li simbolas per la figuroj Balduro kaj Majo. Bedaŭrinde tia abstrakta poezio fine fariĝis (dum pli posta tempo) nekomprenebla »vortado«.

La tuta literaturo ĝis 1910 restas subjektiva. Pri certa skolo ni ne povas paroli. Ĉiu aŭtoro verkas laŭ propra inspiro kaj propraj mondkonceptoj. La pli granda interesiĝo sur la kampo de l' socio donas certan tendencon al la tuta literaturo. Jam ĉe Marcellus Emants mi parolis pri la psikologia romano, speco nun pli ofta. El tiu direkto mi nomas ekzemple *Frans Coenen* (* 1866; *pr.:* kun:n), konata pro sia verko *Palaj Vivoj* en kiu li priskribas la vivon de l' malalta konvencio sen propra volforto; *Robbers* (* 1868; *pr.:* rób: rs), iom pli enuiga kaj rigida kun sufiĉe malforta fantazio: Robbers en aliaj verkoj priparolas ankaŭ la problemojn de l' nuntempo, ekz. en *Viro-vivo*.

*Johano de Meester* (* 1860—1931; *pr.:* mést:r), iom konservativa kaj pesimisma aŭtoro, kiu faris multon por akceptigi la junan literaturon ĉe la publiko.

Gesinjoroj *Scharten-Antink (pr.:* shart:n antink), kiuj kune eldonis plurajn verkojn, precipe gravaj pro delikata detaliga pentrado. Aliaj el la sama tempo estas i. a. sinjorino *Boudier-Bakker* (* 1875; *pr.:* budir bakk:r) per psikologio de l' infana animo; *Querido* (1873—1933; *pr.C:* kvérido) naturalisto; *Brusse* (* 1873; *pr.:* brüs:), kiu verkis pri vagabondado; *Ary Prins* (1860—1922; *pr.:* aréj prins), kiu verkis per tre stranga frazkonstruo la plej belajn liniojn sub influo de l' germana romantiko; nur kelkaj delikatuloj povas valortaksi lin. *Van Looy* (1855—1930; *pr.:* loj) verkinto de sufiĉe facila subjektiva prozo, plena da trafemo kaj humoro. Krome *Couperus* (1863—1923; *pr.:* kupérüs) psikologie naturalista verkisto de multaj romanoj; *Borel* (1869—1934; *pr.:* borel) kiu verkis precipe pri la orienta mistiko kaj tuj antaŭ sia morto transiris en la Katolikan Eklezion; *Aŭgusta de Wit* (* 1864; *pr.:* vit) aŭtorino de kelkaj tre delikataj verketoj, precipe distingaj pro sia subtila stilo; laste *Arturo van Schendel* (* 1874; *pr.:* shhend:l), kiu verkis en simpla stilo tre belajn verkojn, kaj publicas ĝis nun; liajn verkojn oni sentas kvazaŭ iom mezepoke mistikaj kaj oni nur respekto-plene tuŝas ilin. Van Schendel sendube estas unu el la ĉefaj aŭtoroj el la nuntempo en nia lando.

La poezio el tiu epoko montris la saman subjektivismon, kies ĉefa reprezentantino estas *Helene Swarth* (* 1859; *pr.:* svart), kiu verkis nesupervideblan serion da sonetoj kaj grandegan amason da kolektoj. Laŭ Kloos ŝi estas »kantanta koro« kaj prave, ĉar sian tutan koron ŝi eldiras per siaj sonetoj: amon, malamon, melankolion, esperon kaj malesperon. Oni komprenas, ke ŝi, nur ser-

(1) L. M., 1932, nov., p. 189.
(2) Ĉe Rud. Mosse, Berlino.



Greco: *Ĉefinkviziciisto Don Fernando de Guevara.*

ĉante en si mem, finfine devis iom ripetiĝi, sekve de kio ŝi nuntempe ne plu estas tiel forte ŝatata. Pli grava estas *Henriette Roland Holst* (* 1869; *pr.:* róland holst), kiu kun la aŭtorino Hadewych, kiun ni vidis en la komenco de mia studo, estas la du solaj vere grandaj poetinoj el nia literaturo. Ŝia verkaro estas treege ampleksa. Komence ŝi sekvas la individuan arton el tiuj tagoj kaj ŝi deziras konsoli aliajn homojn, premitajn de l' vivo. Sed jam baldaŭ oni sentas socian enhavon, precipe post kiam ĝi aliĝis al la social-demokratia partio. Tiam ŝi kantas pri nova homaro, pli feliĉa kaj plena de feliĉo kaj pri ĉiuj aliaj idealoj, pri kiuj oni vane revas. Tiuj tempoj ja neniam venos. Sed ŝia idealo ĉiam restis firma kaj alta, kaj ĉiuj, el kiu ajn partio, legas avide ŝiajn verkojn. Krom poeziaj, ŝi eldonis ankaŭ plurajn studojn filozofiajn (precipe el teorio) kaj biografiojn (Rousseau, Tolstoj, Guido Gezelle k. a.), kiuj apartenas al la plej bonaj biografiaj verkoj en nia lingvo. Lastatempe ŝi eldonis ankaŭ t. n. laikajn ludojn; teatrajojn ludotajn de homoj, kiuj adoras la saman idealon, kiel estas enhavate en la ludo. Kelkaj el ili estas tre bonaj, ekz. *Infanoj el nia Popolo.*

La plej granda poeto el nia tempo estas *Petro Boutens* (* 1870; *pr.:* baŭt:nz), tre instruita homo, kiu tradukis plurajn antikvajn grekajn dramojn en belega formo! En siaj originalaj verkoj (multegaj) li uzas la naturon kiel esprimilon de l' interno. Se ni rigardas Vondel-on la plej granda dramisto, tiam Boutens estas la plej granda lirikisto el nia literaturo.

Pri la plej lastatempaj aŭtoroj, kiuj restas ankoraŭ, mi ne skribos multon; pro persona prefero aŭ malprefero mi eble donus ne ĝustan impreson. Ekzistas kompreneble tre multaj aŭtoroj, kiel ja ĉie, sed oni povas konjekti, ke post ne tro longa tempo ĉiuj ties verkoj estos forgesitaj. Ne estas neceso do skribi tro longe pri tiuj, kiuj ja tamen ne estas legeblaj en Esperanto. Kiel vere elstarajn aŭtorojn mi nur mencias *Fabricius (pr.:* fabriciüs) pro belaj pentradoj, *Slauerhof (pr.:* slaŭ:rhof) kaj super ĉiuj *Antono Cooten (pr.:* kol:n), kies verkoj kreas certan sferon kaj certe restos klasikaj ĝislonge.



# OBSERVO

JUN'ICIROO TANIZAKI, la aŭtoro de »Ocuja Koroŝi«, prezentita ĉi tie sub la titolo »Printempo Furiozas«, jam atingis la aĝon de kvindek jaroj. Lia subita apero sur la japana literatura scenejo kaŭzis grandan sensacion. De tiam ĝis hodiaŭ li daŭrigas firman leviĝon en gloro, kaj neniu nun protestas nomi lin unu el la plej popularaj, kaj eĉ rimarkindaj verkistoj de la nuntempa Japanujo.

Li estas rimarkinda pro du kaŭzoj. Unue, ĉar lia populareco kaj famo montras tian daŭrecon, kian oni malofte vidas en tiu ĉi lando, kie la koro de la popolo estas tiel ŝanĝiĝema kaj pasema, ĝuste kiel tiu de diino Fortuno. Novaj verkistoj aperas, flatas la publikon, — dum kelka tempo —, kaj jam malaperas rapide por reveni neniam. Tio ne estas kulpo de la verkistoj, sed eble tiu de la publiko, kiu sin lasas peli de tajdo, konanta nek ĝian celon, nek direkton. Sub la du tendencoj de la publiko: Radikalismo kaj Konservatismo, oni ne scias, kien marŝi. Tanizaki tamen firme tenas sian pozicion jam de pli ol dudek jaroj. Tiu fakto elokventas pri lia granda laboro, se la publiko estas juĝanto de literatura kvalito.

Li estas rimarkinda ankaŭ pro la klareco kaj sendependeco de sia koro; li ensorbas diversnuancajn lumojn de l' nova epoko kaj klarigas ĉiun koloron, kaj per granda salto de imago kaj per subtila, profunda plumforto li ĝin altigas. Lia granda laboro estas tiu de l' koro, kie vera artisto de lia speco regas kun eminenta forto la mondon de Belo; ĝi estas voĉo el la pasinto kaj voĉo al la estonto, levata por laŭdi la romancon, kiun la popolo trezorigis depost siaj praaj tagoj. La influo de la Okcidenta arto, kiun akceptas la japanaj junaj verkistoj nur por enŝlimigi sian propran kreoprovon, al li servis por vastigi lian vidon pri la vivo kaj por vigligi lian aprezon pri la samo.

Li mem estas vasta leganto de la okcidenta literaturo, studanto de Poe, George Moore, Baudelaire, Gautier, Balzac kaj multaj aliaj. Li ĉiam montras sian kapablon amplekse kaj profunde. La influo de li rikoltita el la Okcidento servas al li kiel lia subtenanto kaj helpanto, kaj enirinte en lian propran kolornuancon, ĝi fariĝas perfekta unuo.

La fruaj verkoj de Tanizaki aperis, kiam la japana literaturo trapasadis la plej malluman periodon de sia lastatempa historio. Tiam sin trovis verkistoj unuiĝintaj por senespere kontraŭstari la eniron de la nova influo, kaj aliaj pli junaj, kiuj estis makulitaj de malsaĝa imitado al la plej malŝatinda tendenco de la Kontinenta literaturo. La publiko turnis sian dorson al tiuj verkistoj. La japanan literaturon minacis tiam disfalo. Estis en tiuj tagoj, ke Tanizaki fiere ekmarŝis kaj proklamis tion, kion li kredis kiel la diecon de l' arto.

Multaj nuntempaj verkistoj ŝuldas sian sukceson, rekte, aŭ nerekte, al la stimulo, kaj eĉ inspiro donita de Tanizaki-verkoj; kaj kelkaj el tiuj jam tiam kolektiĝis sub la standardon levatan de l' nova profeto de l' tempo, Tanizaki.

Kun vasta sentemo kaj multflankeco de sia koro, Tanizaki turnis sian manon al diversaj formoj de literatura laboro. En dramo, novelo, rakonto aŭ en miniaturo li sukcesis preskaŭ egale, sed estas plej bone por tiuj, kiuj serĉas lian vivesprimon, turni sin al liaj dramverkoj. Tamen, lia vera artista memo sin montras en liaj mallongaj rakontoj, kaj ili estas pli plaĉe allogaj. Tiu ĉi romano, dirite laŭ tia vidpunkto, povas esti ne preciza tipaĵo de lia koro, sed sufiĉe montras lian arton.

Al la »Printempo Furiozas«, aperinta antaŭ dudeksep jaroj, sekvis multaj aliaj verkoj, en kiuj la aŭtoro prezentas sin per sia propra maniero, en kiuj lia imagemo teksas diverskoloran delikatan tapeton, — verkoj de profunda sento kaj polurita lerteco. Por prezenti la aŭtoron al la eksterlando, oni povus ja elekti alian verkon, sed mi ne dubas, ke ankaŭ tiu ĉi ĝuste taŭgis por tia celo. La romano disvolviĝas sub cirkonstancoj, kiuj devas esti tre strangaj al la Okcidentaj legantoj, kaj la romanpersonojn koncernas problemoj same kuriozaj. Kaj do la legantoj bonvolu foje adapti sian observon kaj imagon al kelkaj detaloj.

Pri la traduka laboro mi devas peti mil pardonojn, sed senkulpigo estus ne necesa, mi kredas. Eĉ se tiu ĉi traduko ne prezentus la originalon en la plena senco, ĝi estas fidela almenaŭ por prezenti la pensprocezon kaj la esprimmanieron de la aŭtoro. Estas rekonite, ke la traduko havas ioman difekton, ĉar ĝi pli-malpli falas de la artonivelo atingita de l' originalo.

Kvankam ne multe, mi deflankiĝis de la originala teksto nur tie, kie mi opiniis tion necesa kaj neevitebla. Laŭvorta traduko ofte falas en tiam marĉon, kiun neniam imagas la aŭtoro.

Starante rekte kontraŭ evidentaj malfacilaĵoj, mi devis daŭrigi la traduklaboron, kaj tion mi faris kuraĝe pro la konvinko, ke la moderna Japanujo, rekonita per militaj aferoj, nepre devas montri sian alian flankon, kie ĝi arde aspiras al ia korlaboro de Paco kaj Belo.

Kaj estas mia preĝo al la Ok Milionoj da Dioj, gardantaj, laŭ la japana mito, la marbordojn de Japanujo, ke tiu ĉi traduko trovu sian vojon trans la maroj kaj oceanoj, kaj, kvankam nun pendas gaza nebulo antaŭ ĝia originala Belo pro la Esperantigo, ĝi povu renkonti akcepton al si meritan en la landoj, kie la popolo montris sin preta aprezi la verkojn de Hiroŝige kaj Hokusai. De ili Tanizaki diferencas en formo elektita por esprimi sian artistan spiriton, kaj tamen li certe estas disĉiplo neniom malpli distinginda.

*J. Ŝimomura.*



Velazquez: *Rajdportreto de princo Olivarez.*

BIALIK. (1873—1834). En Vieno mortis post. operacio la fiero de la hebrea literaturo, Ĥaim Naĥman Bialik.

De post Jehuda Halevi (XIII jc.) la hebrea literaturo ne posedis tiel altan menson, kiel Ĥ. N. Bialik, kiu — simile al tiu sia supergenia antaŭulo, — sciis penetri la plej profundajn ĉeletojn de l' hebrea animo, sukcesis ĝin brilege priskribi kaj — kio estas plej glorinda — veki. Veki de l' miljara letargio, veki al propra kulturа (kaj politika) vivo.

Sed Bialik, malgraŭ sia profunda amego kaj entuziasmo por sia nacio kaj ĝia multmiljara kulturo ne enfalas en ŝovinismon. Li scias ne nur admiradi. Li scias ankaŭ kritiki, riproĉi, veki. Kanto kaj samtempe ploro, beno kaj samtempe kondamno — jen la enhavo de l' belverkoj, kiujn tiu potenca vort-majstro donacis al sia popolo. Kaj lia voĉo ĝuis obeon, ion similan al tio, kion la antikvaj profetoj ĝuis. Per granda torĉo li senlace metadis sin ĉiam antaŭe kaj montradis la vojon al spirita kaj politika liberiĝo... Liaj verkoj ĉesas esti simplaj poeziajoj. Ili fariĝas nacia trezoro inter la plej nepritakseblaj perloj de l' hebrea miljara kulturo.

La tutan kreadon de Bialik ni dividu je tri ĉefaj partoj.

1. *Lirika* poezio. La poeto prikantas la belecon de l' naturo. Edukita mem sur kamparo Bialik ekde sia plej frua juneco ekamis la naturon. Li parolas kun ĉiu herbeto, kun ĉiu floreto, aŭdas la murmuron de ĉiu arbeto kaj eĉ sablero. Neniam preterlasante la okazon por trateksi pli profundajn sentencojn, en ĉiuj siaj poeziajoj li evidentigas sian doloron, kial la hebreoj — kvankam sen sia kulpo — tiom forŝoviĝis de la naturo. Kaj ĉiufoje li alvokas por reveno al la naturo, al reokupiĝo pri la kampo, plugado k. t. p.

2. *Nacia* poezio. Priskriboj de diversaj hebreaj martiraj trivivaĵoj (precipe okaze de l' pogromoj en Rusujo, en la komencaj jaroj de la nuna jc.) kaj meditoj pri tiuj. Liaj poemoj fariĝis mondfamaj verkoj, alvokoj al la tuta kultura mondo. Kondamno al Eŭropo ke ĝi silente pasas preter tiaj mond-skuantaj kruelaĵoj. Kaj samtempe li permesas al si kvazaŭ revolucian vekon: jam sufiĉe suferi, estas jam tempo sin defendi. Kaj en tiaj fortaj kaj akraj vortoj, ke oni povus eĉ konfuze halti antaŭ la demando: ĉu tio estas vekilo, aŭ eterna kondamno? Sed tro forta estis la amo de Bialik al sia torturata popolo, tro granda lia kunsufero, ke oni povu lin suspekti pri io alia ol plenpulma vokado al reviviĝo.

Granda literatur-valoraĵo estas ankaŭ lia proza lasitaĵo. Ni nur citu lian faman »Arje Baal Guf« — Arje, la korp-fleganto.

3. *Filozofiaj* meditadoj (Migrado en malproksimaĵoj; Kiam mi revenis; Noktaj pripensoj) kaj tre tre multaj aliaj ellaboraĵoj apartenas al la plej profundaj produktoj de l' homara mens-laboro.

En la kadroj de sola gazetartikolo, pritaksi eĉ plej koncizege la potencan genion de tiu hebrea bardo, priskribi ĉiujn meritojn kaj priparoli ĉiun apartan juvelon de lia plumo — estas afero neniel plenumebla. Volu tial la leganto esti indulgema kaj trakti la nunan verketon kiel simplan provon de skizo pri tiu Majstro de la bel-vorto.

Ne estus tamen juste ne mencii ankaŭ lian sciencan verkadon. Siajn lastajn jarojn Bialik dediĉis al pure scienca verkado pri literaturo. Nome li decidis prilabori kaj komentarii la tutan hebrean antikvan literaturon (Biblion, la komentariojn al ĝi kaj aliajn hebreajn sciencverkojn). Bedaŭrinde la morto, forrabante lin, interrompis tiun utilegan laboron. Tamen tio, kion li sukcesis jam prilabori, prezentiĝas tre valora scienca heredaĵo.

Laste sed ne lastrange estu menciite, ke Bialik havis ankoraŭ unu tre grandan meriton. Nome, dum longaj jaroj li estis mem redaktoro kaj eldonisto, kaj, per la plej nobla traktado de sia tasko, li ebligis al multaj komencantaj talentoj elnaĝi. Ne unu el la nuntempe famaj hebreaj verkistoj ŝuldas sian karieron al Bialik.

Siajn lastajn jarojn Bialik pasigis en Palestino — Lando de liaj Revoj.

Estis ĝojo, honoro, feliĉo kaj plej alta respekto — — vivi en la sama kun li epoko. Homo, kiu ĝuis ĉies (senescepte) respekton, homo, kiu meritis la titolon Nacia poeto, verkisto, kiu kandidatis je premio de Nobel. Homo, pri kiu, se ni volus skribi ĉiujn meritojn por la kulturo, ekmankus papero...

La hebrea nacio jam 700 jarojn ne posedis tian vortgenion. Ekde Jehuda Halevi, pri kiu Heine skribis: Kiam la Kreinto ekvidis tiun animon, Li estis tiel entuziasmigita de Sia kreaĵo, ke tiun animon Li ekkisis. Kaj la eĥo de tiu kiso aŭdiĝas en liaj (de Jehuda Halevi) poeziaĵoj. Pri Bialik — diras kvazaŭ daŭrige fama hebrea literaturisto Stupnicki — estu dirende, ke kiam Dio kreis la animon de Bialik, Li faligis larmon, kaj tiu larmo reeĥas en ĉiu lia poemo. Jen kial la verkoj de Bialik tiel profunde tuŝas kaj tiel forte penetris la animon de ĉiu hebreo.

*E. Wiesenfeld*

ILF kaj PETROV: DEKDU SEĜOJ. La humuro en la rusa literaturo propre nur lastatempe komencas regi. Kompreneble, ankaŭ la malnova rusa literaturo ne estis tute senhumura, sed tamen... la humuro de Dostojevskij estis sangfrostiga, tiu de Ĉehov estis laca, preskaŭ melankolia. Zoĉenko, Katajev, Tinjanov dankas sian grandan popularecon unuavice al sia humuro. Iliajn verkojn konas kaj rekonas ankaŭ la Eŭropa publiko. Malpli konataj ekster Ruslando estis ĝis nun *Ilf* kaj *Petrov*, la kune laborantaj humuristoj-romanverkistoj, kies dika volumo, Dekdu Seĝoj, estas tiel sprita kaj bonhumora, kian oni jam delonge ne legis, kaj, de rusa verkisto eble neniam.

La Dekdu Seĝoj estas satirika epokbildo, pri la tiel nomata Nep-periodo (1923—28), dum kiu oni permesis la privatan komercadon kaj entreprenadon. Pri tiu tempo skizas tute bizaran, senpolitikan karikatur-serion la du junaj rusaj verkistoj. La heroo de la libro, Ippolit Matvjejeviĉ Vorobjanjikov, estas modeste salajrata gvidanto de eturba matrikul-oficejo. Iam li estis nobela marŝalo, do kompreneble li ne povas rezignacii je tia sorto-turno. Subite ekbrilas esperradio. Lia bopatrino konfesas al li en sia mort-lito, ke la familiajn juvelojn kun la valoro de 150.000 rubloj. ŝi enkudris en iun seĝon de la salonmeblaro. Post tiu grava informo la maljunulino mortas, ne dirinte, kiu seĝo kaŝas en si la trezoron. La dekdu seĝojn, cetere, jam antaŭlonge konfiskis la sovjeto kaj Dio scias, kie ili estas nun. La iama marŝalo nun komplotas kun diable lerta kaj impertinenta vagabondo, Ostap Bender. Kune ili ekiras por trovi la dekdu seĝojn. Ili tramigras la tutan Ruslandon kaj trafaras tiajn eksterordinare amuzajn aventurojn, kiajn oni de post »Ŝvejk« ne povis legi. En la stranga pelĉaso Vorobjanjikov ludas la rolon de Don Quijote, la malĝojvizaĝa kavaliro, dum Ostap Bender plenumas la funkcion de tre ruza Sancho Pansa, sur kies nuko sidas pli ol peruko. Kelkfoje ili kolizias kun la popo de la urbeto, kiu ankaŭ mem eksciis la sekreton kaj same ekiras por serĉi trezoron. Krome ili kolizias ankoraŭ kun kelkcent homoj, plej diversaj institucioj, kun la tuta rusa mondo. Ciam pli sovaĝan kaj frenezan impeton prenas la trezorĉasado. Niaj herooj ne timas eĉ la plej kuriozajn ideojn, sisteme ili trompas ĉiujn, unuavice unu la alian. Fine, kiam la popo jam freneziĝas pro la aventuro kaj Vorobjanjikov en sia jaluza avareco mortigas

sian kunulon: la seĝo estas trovita! Ĝi staras en iu ĉambro de granda nova laborista klubo. Vorobjanjikov furioze ĝin distranĉadas, sed la trezoroj mankas en ĝi. La klubgardisto lin informas. Li rakontas, ke jam antaŭlonge li trovis la juvelon kaj transdonis ĝin al la magistrato. »Kie nun estas la trezoro?« demandas Vorobjanjikov kun sufoka malespero. La gardisto montras la domon. Ĉu vi ne vidas? Jen ĝi ĉirkaŭe. El ĝi oni konstruis la klubon. Per tiu ĉi sceno, sola nehumura parto de la libro, finiĝas la instrua historio de la seĝo-ĉasistoj. Ĉiu povas tiri el ĝi konkludon, kia al li plaĉas. Pri ĝia solvo oni povas diskuti. Sed tio estas nediskutebla, ke en la lastaj jaroj tre malmultaj romanoj efikis tiel draste al la diafragmoj, kiel tiu ĉi vagabond-romano. *gb.*

PIRANDELLO. Lia figuro, okaze ke li ricevis la Nobel-premion, ree altiras la interesiĝon de la Eŭropa leganta publiko. En la lastaj jaroj pli kaj pli oni komencas kritiki la juĝojn de la plej elstara literatura areopago, kaj la kritikantoj ankaŭ ĉi-jare ne estis tre silentaj. Nu, tio ne estas mirinda: Pirandello ja havas nombrajn ŝatantojn entuziasmajn, sed ne malgranda estas ankaŭ ties nombro, kiuj ne entuziasmas pri la ofte kuriozaj »ekstravagancoj« de la kurioze originala verkisto. Certe diversas la opinioj ankaŭ pri lia romano: »La du vivoj de Mattia Pascal«. La heroo de l' romano, la maltrankvilanima Mattia Pascal, eknaŭziĝas pri la mil malpuraĵoj kaj falsaĵoj de l' ĉirkaŭa mondo kaj iun tagon decidas, ke li metas punkton post sian vivon ĝisnunan. Li do fuĝas de sia familio ne postlasante eĉ unu linion da skribo kaj — la apartenuloj konsternite lin »rekonas« en kadavro ĝuste tiam kaptita el akvo. Pascal liberiĝinte ekscias, ke oni kredas lin definitive mortinta kaj li sentas, ke per tio li forjetis de si ĉion, kio lin kroĉis al la pasinteco. Sed rapide sekvas la elreviĝo: Pascal rekonas, ke per sia bizara provo li fiaskis; la transformiĝo kaj liberiĝo ne povas dependi de eksteraj faktoroj, ĝi devas okazi interne kaj elinterne... Estas certe, ke la komplika animprocezo iĝas kredebla kaj akceptebla nur tial, ke ĝin surpaperigis la majstra plumo de Pirandello.

HENRY BERNSTEIN: ESPOIR. Granda atendo kaj vere »streĉa« atento antaŭis la novan dramon. Unue, ĉar la verkisto tutan jaron silentis antaŭ ol ĝin verki. Due, ĉar pli kaj pli aktuala iĝas lia kandidateco en la Akademion.

En la kvin aktoj de la »Espero« — ludantaj de l' unua ĝis la lasta sur la sama scenejo — neniu mortas. Nuraj internaj okazaĵoj, koraj kaj animaj konfliktoj plektiĝas en dramon. En burĝa salono.

Maljuniĝanta viro kaj maljuniĝanta bela virino estas geedzoj. De dudek jaroj. La edzo — Emile Goinard — tre multe laboras. Li suferas je sendormeco kaj okulmalsano. Li legadas la memuarojn de Winston Churchill. Kaj rezignacie, retiriĝinte, solece li observas la laŭtan vivon de sia edzino, plenan de ĝigoloj, baloj kaj bar-oj. La virino — kompreneble — konstante havas »iun«. La lasta »iu« estas ia nokaŭt-ĉampiono kaj koktajl-heroo, kiu, meze de la unua akto — feliĉe, ne sur la scenejo, sed malproksime en la restoracio de la *Ambassadeurs* — trabatas la parizan konsulon de iu eksterlanda grandpotenco, ĉar tiu okupis la tablon menditan de gesinjoroj Goinard.

Dume, hejme, en la salono, okazas gravaj aferoj. Du interesaj dialogoj. La unu, inter la ŝtatkonsilisto Goinard kaj Catherine. La alia, inter Catherine kaj ŝia estonta bofrato.

Nome, Goinard, pli ĝuste sinjorino Goinard, havas du filinojn. La unu, *Catherine*, devenas el ŝia unua edzineco. La pli juna, *Solange*, havas sinjoron Goinard kiel patron. Tiu ĉi pli juna knabino estas la favoratino de la patrino, parte ankaŭ ŝia federitino. Ili havas la saman vivkoncepton. Same ili amas amuzojn. Kaj same ili ne



Velazquez: *Antonio el Ingles, kortega nano,*

simpatias kun la du »cindrulinoj«-membroj de la familio: kun la ŝtatkonsilisto kaj kun Catherine.

Al Solange ŝia avino heredigis pli ol du milionojn da frankoj. Kaj la riĉa, trodorlotita, bela, juna, sportema knabino — helpe de sia patrino kaj de bonege aplikita bantrikoto — kaptas por si edzkandidaton. Oni jam fiksis kaj publikigis eĉ la tagon de la geedziĝo. Sed tiam, Thierry Keller, la fianĉo, cetere artdekoristo, konfesas al Catherine, ke ŝin li amas. Jes, ŝin, la senhavan, subpremitan, malpli junan kaj malpli belan knabinon. Kaj ŝin li volas ankaŭ edzinigi. Ne ŝian malvarman, plezurĉaseman, trodorlotitan fratinon.

La lukton, kiu ĝis nun okazis mallaŭte, senrimarke, kaj kiu, per tiu ĉi sceno iĝas senkaŝa batalo, elskermas propre la »hodiaŭa« knabino, moderna, malplena, apenaŭ kapabla je tenereco kaj profundaj sentoj, kun la »sentvirino« delikata, dotita per koro, konata el pasintaj tempoj kaj esperata por la futuro. Ne necesas diri, ke malgraŭ ĉiuj malhelpoj, precipe la ĝiskruela kaj ĝismalama kontraŭstaro kaj diktaturo de la patrino, en la batalo fine tamen venkas la du junaj estajoj, ĉe kies flanko flagras la standardo de vero kaj vera amo. Ili signifas la titolan Esperon, kiu portas en si la ĝermojn de garantio por pli bona morgaŭo kaj pli bona homaro.

Okazajoj do ne estas multaj en la nova dramo de Bernstein. Ne pli ol tiom, ke riĉan, trodorlotitan sed surfacan kaj senkoran knabinon forlasas ŝia fianĉo por edzinigi la pli simplan sed bonkoran fratinon. Sed el ĉi tiu temo Bernstein komponis veran freskon. Ĝi estas larĝkontura pentraĵo pri la familia, spirita kaj morala vivo de Parizo de mil naŭcent tridek tri. Kaj, krome, dramo, kiu — escepte de la trolongaĵoj de la unua akto — konstante interesas, eĉ ekscitas la rigardanton. *ga.*

LA POSTEULO DE TIBERIO. *Pausilippe, Ischia, Kabo Miceno, Procida, Amalfi...* Sufiĉas eldiri tiujn nomojn por elvoki unu el la pejzaĝoj plej ŝarĝitaj de famo kaj historio. Kaj, vid-al-vide de tiu pejzaĝo staras domo. Nura ekrigardo: ĝi estas la loĝejo de bongustulo. Mi ĝin ne priskribos. Oni diris al mi, ke ĝi apartenas al la »kuracisto de la Reĝino de Svedujo«. La Reĝino posedas vilaon en la mezo de la insulo Capri, kaj estas kompreneble, ke ŝia kuracisto loĝas ne malproksime de ŝi. La kuracisto de la Reĝino de Svedujo nomiĝas doktoro Axel Munthe. Lia historio kaj tiu de lia domo ne estas ordinaraj. Juna studento, novbakita el la Universitato de Jena kun la titolo de teologia doktoro, kaj sekve sin dediĉonta al spekulativaj studoj. Vojaĝo lin hazarde kondukas al Anacapri en la ĵus priparolitan lokon. Tiam ekzistis nek belaspekta domo, nek ĝardeno. Sed vinberejo, kie laboris maljunulo nomita Vincente, kapeleto dediĉita al San Michele kaj kampara kabano konstruita de Mastro Vincente per la marmoraj rompaĵoj, kiujn li malkovris erpante sian vinberejon. La maljunulo loĝas efektive sur la ruinaĵoj de la Tiberia vilao. Revo, deziro, pasio ekflamas en la koro de la junulo. Li decidas nepre alproprigi al si la vinberejon, la domon, la kapeleton kaj tie ekloĝi. Sed li havas nek pozicion, nek riĉon. Filozofio kaj teologio ne riĉigas siajn adeptojn kaj ne ebligas al ili, fariĝi posedanto en unu el la plej belaj lokoj de la mondo. La studento tuj decidas ŝanĝi sian karieron. Por posedi San Michele, li akceptos »fuŝitan vivon«, laŭ lia propra esprimo. Li konsideras kiel fuŝitan vivon, tion li plurfoje ripetas, la forlason de la spekulativaj ĝojoj por la studado kaj praktikado de la medicino. Li havas la senton, ke li malaltiĝas oferante la spiritan por la materia. Tamen, li faras tion por iam ekposedi San Michele.

Li alvenas en Paris, instaliĝas en la »Latina Kvartalo« kaj elstudas la medicinon. Li estas tre inteligenta, speciale kapabla ekkoni la koron de la homoj, kaj efiki al ilia volo pere de la morala influo. Oni lin imagas tiam juna kuracisto-magnetizanto, tre bela, tre klera kaj tre mistera. Li fariĝas laŭmoda kuracisto. En la kvartalo Saint Germain oni lin freneze ŝatas. Sed li estas io tute alia ol intrigulo aŭ dando. Li laboras kun Charcot en la »Salpétrière« kaj kun Pasteur dum tiu ĉi studadas la rabion. Lia horizonto ne limiĝas al la klientaro, al la riĉo, aŭ eĉ al la medicino. Li ĉiam revadas pri San Michele. Foje li revenas al Capri, inter ekskurso en Laponio kaj restado en Svedujo. Venas la tempo, kiam li efektivigas sian revon.. Li aĉetas San Michele. Propramane li konstruas sian domon. Li elfosadas la statuojn, vazojn, kolonojn kuŝantajn en la ĝardeno de Tiberio. Popece li faras el la vilao de Anacapri la mirindaĵon, kiun ni vidis.

Tra jaroj, eble pro nekonata amareco, kiu kiel ondo venas el la fundo de la skandinava koro, li fariĝas tre homevitema. Li ekloĝas en San Michele por restadi tie definitive. Dum sia tuta vivo li plendis, ke li ne povas dormi; trajto, kiu ankoraŭ plifirmigas tion, kion oni pri li divenas. Amiko lin konsilas verkadi por venki la maldormon. Li sekvas la konsilon. Filozofio kaj teologio estas jam tro foraj. Tro longe, li skribadis nur receptojn. Sed li estas multe spertinta. Li rakontas sian propran vivon. Disradianta ĉirkaŭ San Michele, kvazaŭ ĉirkaŭ akso, ĝi konsistigas kaj plenigas la »Romanon de San Michele«. Peza volumo kvarcentkvindek-paĝa; tiom riĉa, tiom neatendita, tiom miriga, ke oni ĝin tradukis en 25 lingvojn. Al la franca eldono verkis antaŭ parolon Pierre Benoît.

S-ro Benoît, romanverkisto, logita de aŭtobiografio? Sed tio ja ne estas ordinara aŭtobiografio. Oni jam diris, ke ĝi enhavas sufiĉe da veraj aventuroj por tuta kariero de romanverkisto. Estas fakto. Oni ne scias, ĉu la verkado de tiu libro ebligis dormon al s-ro Munthe, sed oni povas certigi, ke tiu rimedo ne sukcesos ĉe la legantoj! Persono malplej ema al romanlegado, ne povas plu levi la nazon, kiam li ĝin metis inter tiujn valoraĵn paĝojn. Oni trovas ĉion eblan en ili: en Roma, rakontojn, kiuj estus ravintaj Stendhal, en Paris, dramojn, komediojn, miksitajn. Admirindajn paĝojn pri bestoj kaj simpluloj. Maljuna kamparano, baldaŭ mortonta, diris al s-ro Munthe: »Vi estas bona kiel la maro.« Tiu laŭdo flanke de kamparano ne estas sensignifa.

Sed, se s-ro Munthe emociis la homojn en dudekkvin lingvoj, li tion ne atingis per sia nura sentemo. La anekdotoj de tiu kompatoplena homo ardas de fajro kaj diabla spirito. Tamen oni ege plezurigos tiun senkomparan svedon, dirante al li, ke la parolo de Pacciale aŭ la muta rigardo de hundo pruvas ja pli bone ol la laŭdoj de kritikistoj, ke li ne misuzis sian vivon.

KIU TIMUS DE LA LUP'? El New-York ni ricevis la sekvantan leteron: »La pasintan semajnon mi ekskursis kun mia fileto al Bronz, por montri al li la zoo-ĝardenon. Ni tramigris jam preter ĉiuj kaĝoj, kiam ni venis antaŭ kradon, kie, laŭ la surskribo, estus devinta troviĝi »Alaska lupo«. Sed la lupo mankis. Mi demandas gardiston, kie la lupo. Li respondas nevolonte kaj mallonge: »Ĝi mortis«.

Mi kaj mia filo malĝoje sciiĝis pri tiu ĉi funebra informo kaj ni iris plu. Foje, en forlasita angulo de la zoo-ĝardeno, jen ni ekvidas kaĝon kaŝatan inter arbustoj kiel la fortikaĵo de Dornrozinjo; kaj tie, en angulo, kunvolviĝinte, kun la videblaj signoj de deprimo en sia mieno, kuŝas la Alaska lupo.

Nun mi turnis min al alia gardisto, kiu ŝajnis pli parolema ol lia kolego. Kaj li klarigis, ke miloj da infanoj vizitantaj la zoo-ĝardenon, faris, de printempo ĝis aŭtuno, de mateno ĝis vespero, nenion alian, ol kriegi dancesalte en la kaĝon de la kompatinda kaptita lupo la kanton de Disney: »Kiu timus de la lup'?« Ekde la mezo de somero, la lupo iĝis pli kaj pli nervoza, poste lin superregis evidenta melankolio, ĝi ne manĝis; nur grincigis la dentojn, kiomfoje eksonis antaŭ ĝia kaĝo la malamata kanto. Fine, oni devis ĝin izoli, por ke ĝi retrovu sian anim-trankvilon: tial oni metis ĝin en la hospital-kaĝon. La kanto simple atakis ĝiajn nervojn...

Evidente, pli grandan triumfon kanto ne povas al si konkeri. *cc.*

---

ATENTU! La januara numero aperos en la unuaj tagoj de la venonta monato kaj estos sendata nur al la reabonintoj. Tial ni nun aldonas la enhavtabelon por 1934.

Felelős szerkesztő és kiadó: Bleier Vilmos. — Pestvidéki Nyomda Vácon. — A nyomdáért Bénik Gyula felelős.